XVª jaro. Nº 222 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisio)



NUNTEMPAĴOJ

## KAPITALO KAJ LABORO

La suba artikolo pri la pli akra ol iam problemo de la rilatoj inter kapitalo kaj laboro estas eltirajo de multe disvastigita lastatempe aperinta libro de la Franca sociologo *Lysis* „La Démocratie nouvelle" (La nova demokratio).

La asociiĝo de la kapitalo kaj de la laboro estas la celo, al kiu ni nerezisteble direktiĝas, kiel ajn malfacile aplikebla ĝi estas. La socia paco povas regi, nur se la laboristoj okupataj en fabrikejo estas tenataj al ĝi per daŭra ligilo, kiun ne povas krei la salajro. Estas vere, ke la progresado de la nacia industrio rekte interesas la laboristojn, ĉar de ĝi dependas la alteco de ilia salajro kaj la certeco de ilia ofico, sed oni ne devas kredi, ke tia ĝenerala vero, kiel ajn ĝusta kaj profunda ĝi estas, sufiĉas por influi la izolajn laboristojn en la agoj de la ĉiutaga vivo, ĉar la plej profundaj sentoj de la homoj celas antaŭ ĉio sian proksiman medion, sian familion, siajn amikojn, sian profesion.

En tiu rilato, kiom da mankoj prezentas la nuna sistemo, laŭ kiu la laboristo estas kvazaŭ vivanta ilo, kiu ĉiumatene sin lokas flanke de la senviva maŝino kaj ne multe pli ol ĝi estas informata pri la rezultoj de sia laboro! Kian simpation povus veki ĉe li la fabrikejo, kie li partoprenas en maniero tiel nedaŭra aŭ necerta, tial ke li povas esti forpermesata je ĉiu momento? Li ja ne partoprenas en la riskoj kaj klopodoj, sed tio ne estas pozitiva bono, kiun la homo povas ĝustvalore ŝati. Oni ĉiutage devus esti feliĉa, ke oni ne rompis al si la kruron, sed tia oni ne estas. Kontraŭe, estas memkompreneble, ke oni ne deziras tro grandan sukceson al entrepreno, kiu donas ĉiam saman salajron, kiaj ajn estas la rezultoj de ĝi atingitaj, simplaj, duoblaj aŭ trioblaj.

Tia pensmaniero estas preskaŭ neevitebla ĉe la laboristoj; ĝi devenas el fundamenta eraro de nia produkta sistemo, kiu suferiginte la laboristojn nun atingas la kapitalistojn kaj fine malkontentigas ĉiujn.

La „burĝaj" ekonomiistoj volonte substrekas la moraligajn ecojn de la individua proprajo: ĝi instigas al laboro, al iniciato, maturigas la ideon pri persona prirespondeco kaj faciligas regulan vivmanieron, saĝigas la inteligenton, kiu estas en konstanta kontakto kun la realajoj, nobligas la karakteron, fortigante ties sendependecon kaj dignecon, k. t. p. Tiu tezo estas ĝusta, sed anstataŭ celi al la konservado de la ekzistanto, ĝi kontraŭe kondamnas socian ordon, en kiu tiom da homoj nenion posedas!

Tiaj vivkondiĉoj estas nemoralaj; ili naskas la indiferentecon aŭ la ribelemon, kaj ĉiuokaze ne povas krei tiun minimumon de kontenteco, kiun bezonas la homo por malvolvi siajn kapablojn. Estas komprenebIe, ke la laboristo aspiras pliboniĝon de sia ofte mizera sorto; tamen, ŝajnas, ke la bazo de lia opozo al la nuna produkta sistemo devenas malpli el la materia faktoro ol el la nekontentigebleco de certaj tre profundaj moralaj bezonoj, kiuj por li pli valoras ol la stomakaj.

Ekzistas ĉe la homo instinktoj, kiuj puŝas lin, dediĉi lian personecon al laboroj postulantaj persistan penadon. Tiuj laboroj lin subtenas kaj helpas lin elporti la unutonecon de ofte seninteresa vivo. Per aliaj vortoj, estas necese, ke li estu ligita al io; nenio estas pli doloriga al li ol sendirekte naĝi kiel korkŝtopilo forportata de diversaj akvofluoj, ne lasante ie ajn sian stampon.

Se la laboristo estas ligita al nenio, lia cerbo kaj liaj neokupataj sentoj kontentiĝas en danĝeraj revoj, aŭ liaj kapabloj malvigliĝas, lia moraleco malaltiĝas, lia vivo fariĝas kvazaŭ besta, li sin fordonas al maldelikataj plezuroj kaj kaptas lin la drinkemo. En ĉio ekzistas kaŭzo kaj efikoj.

En la moderna demokratio la popolo estas suverena, sed la popolo konsistas grandparte el nekleraj kaj senspertaj homoj, kiuj laboras kiel iloj en tiel malsuperaj kondiĉoj, ke ilia inteligenteco kaj ilia prirespondeco preskaŭ ne funkcias. Politike, estas vere, la popolo estas reĝo, sed ĉar ĝi fakte estas neplenaĝa pro sia malsuperaj vivkondiĉoj kaj sia malklereco, ĝia povo, en la realeco, estas fordonata al reprezentantoj, kiuj, por sin teni ĉe sia ofico, promesas al la popolo neeblajojn kaj ne volonte diras al ĝi la necesajn verojn, ĉar ili ne tre deziras ĝin emancipi . . .

La asociiĝo de la kapitalo kaj de la laboro estas formulo,

kiu jam havis kelkajn aplikojn. Atentinda fakto estas, ke ĝi ne devenas el la cerbo de teoriulo; ĝi prezentis sin iam kiel praktika solvo, kiun la labordonantoj kaj la laboristoj alprenis por certigi la konstantecon de siaj reciprokaj rilatoj kreante inter si komunecon de interesoj; ĝi almenaŭ kiel tendenco ekzistas multloke kaj, kiel ĉiuj socialaj institucioj, montriĝas en diversaj formoj, kiuj varias laŭ la landoj, la medioj, la specoj, irante de la plej simpla al la plej perfekta tipo.

Se oni konsideras la vidpunkton de la laboristoj, oni komprenas, ke ilia situacio estus profunde ŝanĝata, se ili sentus, ke ili ne estas la iloj de la ilin direktanta kapitalismo, sed ties asociuloj, ke se la fabrikejo, en kiu ili laboras, estas ĝia, ĝi ankaŭ estas ilia kaj ne povas prosperi, sen ke ili ankaŭ profitas, ne pro la malavareco de la labordonanto, sed pro jura aranĝo.

El la morala vidpunkto, kia ŝanĝo por la laboristoj, se ili estas reprezentataj en la administrantaro de la societo per du aŭ tri el siaj kamaradoj, kiuj kunlaboras en la gvidado de la entrepreno kaj regule informas ilin pri ĝiaj progresoj aŭ malprogresoj! Kiam ĝi okupis nur iliajn brakojn kaj nenion en ilia koro kaj iliaj pensoj, la fabrikejo estis por ili loko malvarma, negastigema, fremda, kiun iuj eĉ konsideris kiel malliberejon; se tiu fabrikejo fariĝas posedaĵo, en kiu fiksiĝas la valoro de iliaj laboroj kaj penoj, kiel ili interesiĝos al ĝi, kiel ili amos ĝin kaj por ĝi laboros!

Sed precipe kia lernejo por la laboristoj, se ili instruiĝas pri la kondiĉoj, en kiuj funkcias ilia entrepreno, kaj pri la problemoj, kiujn naskas ties gvidado! Eble ili ne tuj facile komprenos, sed ili scios, kiaj ili estas, dum la pli multaj nuntempe tute nenion scias. Tia reĝimo iom post iom donos al ili la maturecon kaj la sperton, tio estas kvalitoj, kiujn oni akiras per la agado.

*Lysis.*
Trad.: *A. R.*

 SOCIA VIVO 

# Pri Finlando

La lando de la mil lagoj, Finlando[1], estas duoninsulo formita de la Finlanda kaj Botnia golfoj kaj de la Norda Oceano. Ĝi okupas 374,000 $km^2$ kaj estas akvoriĉa, malvarma lando, kies grundo ne estas tre fruktodona; nur en la sudo oni ricevas belajn rikoltojn dank' al la obstina laboro de la loĝantaro. Tiu ĉi superas la nombron de 3,000,000 kaj konsistas el 80 % Finoj (Suoni) kaj la resto el Karellanoj (Kvener), Svedoj, Rusoj, Hebreoj kaj norde Laponoj.

Subpremita de la najbarlandoj, dezertigita dum la „tumultoj", sufokita dum la maloftaj pacperiodoj sub pezaj militŝarĝoj kaj supermezuraj impostoj, kompatinda Finlando konas tiun trankvilan prosperecon, kiun ĝi alrevis, nur en la dua parto de l'XIXa jarcento, dum la tridek jaroj, kompare feliĉaj, kiuj antaŭiris la senkompatan Rusigan provon de l'caro Aleksandro IIIa.

La Finoj vivis pace, fidelaj al sia kurioza idolaneco, kiam en 1157 la Sveda reĝo Eric venis prediki al ili la Kristanan religion, helpita de potenca armeo. Li renkontis furiozan reziston, kaj la lando estis terure dezertigata. Por ne morti, la transvivintoj sin konvertigis, kaj Finlando submetiĝis religie sub la Eklezio, politike sub Svedio. Tamen la Rusoj malhelpis la Svedojn plivastigi iliajn konkerajojn trans la unuaj limoj de Finlando, kaj siaflanke dum kvindek jaroj ili detruis la orientajn provincojn. Dum la tuta XIVa kaj XVa jc. Finlando servis kiel batalkampo de Svedio kaj Rusio, kaj la suferoj de la loĝantaro estas apenaŭ priskribeblaj. En 1525 la lando adoptis la Luteranismon, kiu fariĝis la oficiala religio. En 1723 la pli grandan parton de Karelio (provinco Viborg) forprenis Svedio, kaj per la paco de Abo, en 1743, multaj aliaj urboj estis cedataj al Rusio.

Svedio estis alportinta civilizon en Finlando, sed tiu ĉi estis ĉiam konsiderata kiel kolonio, kredeble pro la malsameco de lingvoj kaj rasoj. Kvankam la lando ĝuis certan aŭtonomion, la konstanta tendenco de Svedio estis Svedigi ĝin. La provoj de disiĝo inter ambaŭ landoj estis oftaj. Depost la XVIa jc., duko Johano, filo de Gustavo Vasa, provis proklami la sendependecon de Finlando. Je la fino de l' sama jarcento, Fleming ribeliĝis kontraŭ la landreganto, princo Karlo, pli malfrue reĝo Karlo IXa. Similaj provoj sub la Rusaj imperiestrinoj Elizabeto kaj Katerino IIa ankaŭ malsukcesis. Kiam en 1808, dum Svedio okupiĝis pri Norvegio, Rusio invadis la landon, la Finaj liberaloj konvinkis Aleksandron Ian lasi al Finlando ĝiajn instituciojn, religion kaj memstaran administron. Aleksandro kunvokis la Dieton la 17 marto 1809 en Borgo kaj tie legis manifeston, promesante konservi la fundamentajn leĝojn de Finlando, kaj la Dieto ĵuris fidelecon al la imperiestro de Rusio, grandduko de Finlando, kaj al la konstitucio. Laŭ la pactraktato de Fredrikshamm Finlando estis unuigita kun Rusio kiel duklando, kaj de tiam dividis ĝian sorton. Ĉiuj posteuloj de Aleksandro siavice ĵuris respekti liajn promesojn, sed ne ĉiam plenumis ilin.

Kiel dirite, Aleksandro Ia ne forigis la Dieton, nek la senaton, nek la komunumojn. Malgraŭ la reakcia periodo, kiu sekvis de post 1812, kaj dum kiu la Dieto ne kunvenis, kaj malgraŭ la severa cenzuro, la materia prospereco de la lando kreskis, same kiel la loĝantaro. Samtempe la militŝarĝoj, kiuj estis tiel malfacilaj por la lando sub la Sveda regado, fariĝis malpli grandaj ol tiuj de la Rusoj. Ili prezentis 28 % de la Rusa buĝeto, kaj nur 17 % de la Fina; 33 % el la tuto de rekrutoj estis kolektata en Rusio, nur 11 % en Finlando. Aleksandro IIa kunvokis en 1863 la unuan Dieton, kaj de tiam ĝi estis kunvokata ĉiun kvinan jaron, poste ĉiun trian, kaj povis realigi multajn gravajn reformojn: en 1864 forigo de la privilegioj de l' nobelaro, emancipo de la virino je 20 jaroj; en 1865 komunumaj konsilantaroj elektataj en la vilaĝoj, liberala reformo de la urba regado; en 1867 forigo de la cenzuro; en 1872 apartigo de la eklezio kaj de la lernejo; en 1879 seksegaleco en la heredoj, libereco de la virinoj okupi ĉiujn metiojn; en 1888 plilarĝigita religia libereco.

La egaleco inter Rusoj kaj Finoj estis eĉ tre ofte malprofita al la Rusoj. Multaj Finoj akiris altajn Rusajn gradojn aŭ postenojn en la administro, dum la Rusoj devis regnaniĝi por okupi iun oficon en Finlando. La fervojo inter Peterburgo kaj Helsingsforso estis administrata Svede aŭ Fine, la oficistoj malŝatis lerni la Rusan lingvon, la marko, ne la rublo, estis uzata en la grandduklando, kaj la Finaj doganejoj estis ankaŭ ĉikanemaj ĉe la Rusa limo kiel ĉiuj doganejoj ĉe ĉiuj limoj.

Tiu ĉi feliĉa tempo ne povis daŭri: la Rusoj plendis maldolĉe, kaj la Finoj fiere komparis sian ekonomian prosperecon al la Rusa letargio.

Kvankam li en 1881 ĵuris respekti la Finajn rajtojn, Aleksandro IIa komencis apliki politikon de Rusigado. Li procedas milde kaj laŭgrade. Rusaj liceoj estas kreataj en Fin-

[1] Ni prove uzas la pli internacian formon *Finlando*, anstataŭ la pli ofte uzata *Finnland*. Laŭeble oni evitu en Esperanto senutilajn duoblajn literojn. Car ni presigas ĉiujn proprajn nomojn per komenca ĉeflitero, konfuzo inter *Fino* kaj *fino*, *Fina* kaj *fina*, ne estas timinda.

lando, la kono de la Rusa lingvo estas postulata en ĉiuj superaj administrejoj; en 1891 oni decidas, ke la oficiala korespondo fariĝu en Rusa lingvo, la poŝtservoj estas unuigataj, la speciala Komitato de Finlandaj aferoj, starigita en Petersburgo, estas forigata, la rublo estas altrudata.

Sub Nikolao IIa komenciĝas la malkaŝa lukto inter Finlando kaj la carismo. En 1898, la Rusa registaro prezentas militan leĝoprojekton al la Dieto: ĝi postulas plian kontingenton da 7000 viroj; la Dieto forĵetas la projekton. Tiam aperas la ukazo de februaro 1898: la caro de Rusio, grandduko de Finlando, pretendas, ke li sola povas leĝdoni pri la demandoj koncernantaj samtempe la imperion kaj la grandduklandon. La Dieto povas nur esprimi dezirojn, la Finaj senatanoj devas esti elektataj de la caro, k. t. p. La sendependeco de Finlando malaperis. Tuj petskribo subskribita de 500,000 nomoj estas prezentata al la caro. Li rifuzas akcepti la delegitojn de la subskribintoj. La protestoj de la gazetaro estas severe sufokataj. Simplaj ukazoj altrudas la Rusan lingvon en la diskutoj de l' Senato, altrudas la poŝtojn, la monon kaj precipe la Rusan policon. La Fina armeo estas forigata, la rekrutoj devas esti sendataj en la Rusan armeon. La rezisto al la subpremo organiziĝas. Grandnombre forkuras eksterlanden la soldatoj vokataj en Rusion; la senatanoj, la oficistoj eksiĝas kaj elmigras kun siaj familioj. La Dieto obstine postulas la restarigon de la konstitucio. Rusa guberniestro estas eĉ mortigita. Fakte, la Finoj adoptis nek la lingvon, nek la religion Rusan; ili volas resti Finoj, kaj tio ĉi estas ilia rajto.

Sed kun la ekonomia progresado de la XIXa jc. ĉie estis starigita nova problemo, interne de l' nacioj mem, problemo pli grava ol tiu de l' naciecoj kaj rekte interesanta la popolmason. En Finlando, la malamikeco inter la sociaj klasoj pligrandiĝis, plifortigita per rasdiferencoj: Svedo kontraŭ Fino. La Rusa revolucio donis la okazon de milito inter tiuj klasoj: la luktoj estis tre akraj kaj kruelaj.

Post tio, ĝis la momento kiam eksplodis la milito, la Rusa registaro ĉiam penis malamikigi al si la spiritojn de l' Fina popolo. En la komenco de la milito, anstataŭ klopodi por regajni iom da simpatio en Finlando, la Rusa registaro obeanta al la reakciuloj, nuligis ĉiujn liberrajtojn de Finlando.

La Finoj estas persistaj, ordamaj, instruitaj. Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj de l' klimato kaj de l' grundo, ili sciis krei prosperan industrion, kiu, dank' al la tre modera dogantarifo de la grandduklando, venke konkurencis sur la Rusa vendejo la Rusajn produktojn, pli karajn pro la alteco de l' enirimpostoj pri la krudaj materioj. Precipe pro tiu konkurenco la Finoj devis suferi de la Rusaj komercistoj kaj industriistoj, tiel same kiel la Baltaj popoloj de la Germanaj terposedantoj.

* * *

Oni scias, ke la Finoj estas unu el la plej instruitaj, plej progresemaj popoloj de Eŭropo. Naturdotita per granda energio, tiu ĉi popolo sciis fari el sia marĉa tero, sub malamika klimato, landon produkteman, teron fruktoportan. En la estonto ĝi sendube marŝos ĉe la unua rango de la malgrandaj nacioj. Finlando jam naskis grandajn pentristojn, talentajn skulptistojn, unu aŭ du muzikistojn, kies verkoj ekakiras grandan sukceson en fremdlando.

Laŭ la fama filologo Rask, la Fina lingvo estas unu el la plej harmoniaj kaj plej perfektaj de l' terglobo. La alfabeto kalkulas nur 8 vokalojn kaj 13 konsonantojn. La literoj *b, f, d* kaj *g* ne povas esti elparolataj de la Finoj en vortkomenco; oni anstataŭigas ilin en esprimoj pruntitaj el fremdaj lingvoj per *p, w, t* kaj *k*. Neniu vorto komenciĝas per pli ol unu konsonanto. La nombro de l' diftongoj estas tre granda. Ĉiuj vortoj finiĝas per vokalo kaj enhavas malofte du sinsekvajn konsonantojn. La kunmetataj vortoj estas tiel nombraj kiel en la Germanaj lingvoj.

La Finoj havas grandan emon al la poezio kaj kanto, kaj ilia orelo estas tre delikata por la ritmo. Iam ilia poezio ne allasis la rimon. Finlando posedas multe da malnovaj kantoj nomataj *runoj*, kiuj prikantas la malnovajn mitologiajn kredojn. Ŝveter kolektis kaj publikigis grandan nombron. Volumojn da Finaj popolkantoj eldonis ankaŭ Topelius kaj Gottlung.

La unuaj libroj presitaj en Fina estas ŝuldataj al la Luterana reformulo Agricola (1508—1557). Li kunmetis la unuan Finan alfabeton, tradukis la Novan Testamenton, predikojn, k. t. p. Liaj verkoj estis presitaj en Stokholm, ĉar en Finlando ne ekzistis presejo. De post 1616 la instruado disvastiĝis rapide, kaj lernejoj fondiĝis ĉie. En Abo estis malfermata la unua Fina gimnazio, oni starigis presejon, librejojn, universitaton. Kompreneble unuatempe la Sveda lingvo estis preferata, kaj la Fina estis konsiderata kiel barbara. E. Petreus kunmetis la unuan Finan gramatikon. La kono de la popola lingvo disvastiĝis. La nacia konscio ekformiĝis; jam en 1739 rezolucio de l' Dieto postulis, ke la reĝo oficistigu nur personojn sciantajn la Finan.

Portaro (1739—1804) famiĝis kiel historiisto. Li redaktis depost 1770 la unuan ĵurnalon publikigatan en Finlando, la *Abo Tidning*. Li turnis sian atenton al la trezoroj de l'nacia poezio, kiam Mac Pherson publikigis sian *Ossian*, en kiu oni volis vidi konkuranton de Homero.

De 1828 ĝis 1832, D-ro Elio Lönnrot travojaĝis piede Karelion, haltante en ĉiuj vilaĝoj kaj enskribante la rakontojn de la maljunuloj. Li kolektis la rapsodiojn kaj estis mirigata de la granda eposa spirito, kiun oni ofte rimarkis en ili. La rezultoj de liaj serĉoj kaj de lia genio estis la *Kalevala*, kiu aperis en 1835. Tuj, tiu ĉi verko estis alte taksata en fremdlando kaj tradukata en la ĉefajn lingvojn. Multaj literaturistoj, kiel Victor Hugo, Sainte-Beuve, Guizot k. a. ŝatis la belajojn de tiu verko tiel malsama de tiuj, al kiuj la latina spirito estis kutimigita. La *Kalevala* enhavas du partojn. La unua temas pri la bela filino de Pohjola (la nordo, Laponio), „gloro de l'tero, ornamajo de l' ondo . . , brilanta en siaj blankaj vestoj“ per tri herooj de la lando Kaleva (Finlando). Tiuj herooj estas: la maljuna Wäinämöinen, la dia kantisto, kiu personigas la Finan poezion, Ilmarinen, la lerta forĝisto de Sampo, speco de talismano deziregata de ĉiuj, kaj Lemminkäinen, la gaja deloganto. Ilmarinen, dank' al la magia helpo de la filino de Pohjola, venkas siajn konkurantojn, kaj oni aranĝas belegan edziĝceremonion, kie Wäinämöinen kantas unuafoje la devenon de l' biero, „la fama trinkajo naskita de lupolo, veninta en la mondon helpe de l' akvo kaj de l' arda flamo.“ La dua parto estas dediĉita al la serĉado de Sampo, restinta en Pohjola post la edziĝo de Ilmarinen. La tri malnovaj konkurantoj unuiĝas en tiu ekspedicio. Post multaj luktoj, kie triumfas Wäinämöinen, dank' al sia magia potenco kaj al la ĉarmo de l' kantoj, kiujn li diras akompanante sin per la melodia *kantelo*,[1] la herooj de Kalevala havigas al si Sampon kaj forkuras sur la maro; sed „la familia patrino“ de Pohjola, transformita en aglon, atingas ilin, kaj Sampo rompiĝas dum ŝi volas ĝin kapti. Ŝi povas alporti nur fragmenton al Pohjola, de kio devenas la malriĉeco de ŝia lando.

Kontraŭe al la Iliado aŭ al la Roland-kanto, la Kalevala gloras malpli la potencon de l' glavo ol la potencon de l' kanto kaj de l' parolo; la venkanto ne estas ĉiam la plej fortbraka, sed la plej saĝa, kiu posedas „la originalajn parolojn.“

La Kalevala donis la impulson al la Fina arto. La mu-

[1] Nacia muzikinstrumento.

ziko de Johan Sibelius, la plej granda komponisto de Finlando, estas inspirita de ĝi; la plimulto de la pentristoj ĉerpis de tie temojn. La Finaj poetoj kiel Kivi, Erhko, Eyno, Leynoy, same kiel la fremdaj Longfellow, Leconte de Lisle, Fogazzaro, elpruntis nemalmulte da motivoj de tie.

En 1870, Lönnrot publikigis kolekton de lirikaj poezioj titolitan *Kanteletar*. Julius Krohn kaj lia filo, profesoro Karl Krohn, konata kiel poeto sub pseŭdonomo Suoni, provis kompreniĝi la internacian signifon de la granda eposa poemo Kalevala.

Dum ĉiuj ĉi verkistoj estis influataj de ideoj pure Finaj, naskiĝis alia tendenco en la verkoj de la plej fama Finlanda poeto de Sveda lingvo de l' XIXa jc.: Runeberg (1804—1877). Li forlasis la imiton de la Svedaj literaturaj skoloj kaj baldaŭ fariĝis la unua Sveda poeto-romanverkisto de sia epoko, animita de pure Finaj sentoj. Kiam pro la brulado en 1827 en Abo oni transportis la Universitaton en Helsingforson, Runeberg enloĝiĝis en la nova ĉefurbo, kie li fariĝis instruisto kaj ĵurnalisto. Li atakis precipe la Svedan romantikecon, kaj en siaj originalaj verkoj li klopodis priskribi la veran vivon de l' popolo, tre frue antaŭ la triumfo de l' realista skolo en Skandinavio. Li publikigis serion da lirikaj poeziajoj, titolitaj „Idilioj kaj Epigramoj". Poste li aperigis la poemon „Espero", „La reĝo Fialar" kaj precipe sian ĉefverkon „Historioj de la leŭtenantaspiranto Stoll", kortuŝaj rakontoj el la milito 1808—1809 kuniginta Finlandon al Rusio.

La unua originala Fina komedio „La ŝuistoj de perdita angulo" estas verko de Kivi (1834—1872), kiu verkis ankaŭ la tragedion *Kullervo* el epizodo de la Kalevala. J. Koskinen (1830—1903), historiisto kaj romanisto, priskribis la tre malgajan sorton de la vilaĝanoj sub la Sveda reĝimo kaj la Finan ribelon de la kampuloj. S. Ivalo (n. 1866) uzis sian talenton ankaŭ por la defendo de l' subpremitoj kaj libereco de sia lando. Talenta virino, Minna Canth (1844—1897) enkondukis la socialismon en la romanon. Antaŭ ŝi oni atribuis la maljustecon al la universala ordo, kaj serĉis konsolon en la religio. Minna Canth unua protestis kontraŭ tiu vidpunkto. La situacion de l' virino, la laborekspluatadon, ĉion ŝi senkompate kritikis. Sub la influo de Ibsen ŝi skribis la dramojn: „La laborista edzino", „La pastra familio", „Sylvie" ktp., sed ŝi ankaŭ estas influita de Tolstoj. Minna Canth estis la unua Tolstojanino, sed nun la adeptoj de l' profeto de Jasnaja Poljana grupiĝas ĉirkaŭ Arvid Jörnefeld (n. 1861), filo de generalo, forlasinta la juristan karieron, la lukson, la sendependan vivon, ellerninta la metion de forĝisto, fariĝinta vilaĝano por pli bone koni la dolorojn kaj mizerojn de la laborista vivo. Liaj pli gravaj verkoj estas „Konfesoj", kaj „Taglibro de vojaĝo en Rusio".

Aho (n. 1861) priskribas kun rava mildeco la amprintempon de knabino, ŝian brulsomeron, ŝian ventaŭtunon, dum kiu la betuloj lasas fali melankolie siajn foliojn . . . En tiu speco neimiteblaj estas liaj du romanoj: „La pastra filino" kaj „La pastra edzino". Li estas lerta priskribanto de l' vilaĝa vivo kaj vera majstro de l' novelo.

En la verkoj de Irmari Rantamala, Ilmari Kianto, Joel Lechtonen, Tavaststjerna oni vidas la influon de Strindberg kaj Nietzsche, de Leonid Andreef kaj Maksim Gorkij. Inter la nuntempaj lirikistoj kaj romanistoj oni ne devas forgesi Jalmar Prokope kaj Nino Runeberg. El la Finaj poetoj nomindaj estas ankaŭ: Allqvist, Cajander, Erkko, Granlund, Ingman, Jännes, Kalle, Kallio, Kiljander, Kymäläinen, Kramsa, Lgytinen, Makkonen, Patturi, Poppius, Pahakka, Rahkonen Slöver, Tuokko, Vuorinen, Raikkonen. Inter la romanistoj: Egmeläus, Bergman, Frimah, Tyko Hagman, Sofia Hahnson, Jahnsson, Kauppis, Heikki, Minna Krohn, Pakkala, Paciverinta, Soini. Oni povus kovri paĝojn per nomoj de eminentuloj en la dramarto, kritiko, historio, teologio, vojaĝoj, filologio kaj filozofio. La sciencoj en ĉiuj branĉoj havas fervorajn laborantojn, same kiel la artoj.

Estas do videble, ke Finlando sekvis ĉiujn vojojn de l' progreso, kaj la Fina popolo ne povas plendi, ke ĝi malfruiĝis en sia evoluo kaj en sia intelekta progreso.

Konataj estas la simpatioj por Finlando kaj ties deziro definitive disiĝi de Rusio kaj ĝui plenan liberecon. Ni esperu, ke la paco alportos la liberecon al tiu popolo, kiu ĝin meritas tiom pro siaj suferoj, kiom pro siaj kapabloj.

Laŭ *G. Brocher* kaj aliaj.
*Ivan H. Krestanoff.*

---

# La Aria Samaj

Religia-sociala movado en Hindio

I

El ĉiuj novaj religie-socialaj societoj, kiuj alcelas reformon de l' Hindismo, neniu akiris en la spirita vivo de sia aparta hejmo — t. e. Penjabo kaj la najbaraj partoj de norda Hindio — tian gravecon kiel la Aria Samaj. Fondita en 1875, tiu ĉi „Societo de la Arioj" nombras jam kvaronmilionon da adeptoj — nombro, kiu ne estas granda, se oni konsideras la multnombrecon de la loĝantaro en Hindio, sed kiu tamen aperas gravega, se oni pripensas, ke estas plejparte kleruloj, kiuj tiel firme sin organizis.

La fondinto de Aria Samaj, Dajanando Sarasvati, aŭ kiel li tiam sin nomis, Mulŝankar, naskiĝis en 1824, en Morvi, Hinda ŝtato en Gujerato, proksime al la nordokcidenta bordo de Hindio. Liaj gepatroj estis estimindaj, piaj ortodoksaj bramanoj; lia patro havis eminentan situacion en la registaro. Kiam li havis kvin jarojn, la knabo, gvidata de sia patro, komencis siajn studojn per lernado de l' alfabeto, kaj poste, estante okjara, li surmetis la bramanan kordon, kaj fariĝis „bramakari", t. e. bramana studento. Lia patro estis fervora adoranto de la diajo Ŝiva, kaj pro tio postulis de la juna Mulŝankar, kiam li havis dekkvar jarojn, ke li kiel li mem, dum la Ŝivaratrifesto, unu kaj duonan tagon fastu, kaj pasigu la nokton en la templo, murmurante preĝojn. En tiu ĉi memorinda nokto okazis, ke lia patro kaj la plimulto de la aliaj adorantoj, kaj ankaŭ la deĵoranta pastro, ekdormis, kaj ke muso nemalhelpate aliris al la idolo, kaj sin satigis per la oferdonitaj manĝajoj. Tiu ĉi per si mem negrava okazintajo ekŝancelis la fidon de la knabo pri la efikeco de la adorado al la idoloj. Li vekis sian patron, kaj petis de li klarigon, kiel estas eble, ke ago tia povus fariĝi senpune. La patro ja klarigis al li, ke la dia bildo estas nur figura reprezentado de la diajo, ne la diajo mem; estus do por la adoranto tute malgrave, kiel oni ĝin traktas; sed la okazintajo suficiĉis por veki en la knabo la unuajn religiajn dubojn. Kun bedaŭro lia patro vidis lin forlasi la templon, reiri hejmen, rompi la faston kaj kuŝiĝi por dormi.

Poste la juna bramano daŭrigis siajn studojn, sed ne plene sukcesis restarigi la antaŭan konkordon kun siaj gepatroj. Li studis la Vedojn kaj multajn aliajn sanskritajn verkojn. Dank' al sia eminenta talento kaj mirinda memoro, li sciis parkere grandan parton de la sanktaj skriboj, kaj krom sia patra lingvo perfekte la lingvojn gujerati, hindi kaj sanskrit. Kiam li havis deknaŭ jarojn, liaj gepatroj deziris edzigi lin; sed lia spirito, tute absorbiĝinta en religiaj ideoj, sin estis deturninta de

ĉiuj teraj aferoj. Kiel Budha li decidis forlasi la hejmon, kaj sin dediĉi kiel asketo al la esploro de la vero. Li deiris de la patra domo, kaj dum dekkvin jaroj, 1845—1860, travojaĝis tutan Hindion, aŭskultante la instruojn de multaj Sadusoj kaj Saniasisoj, sed ne konvinkita per ili. Fine, post longaj erarvagadoj, li trovis en la respektinda blinda Virjanando Sarasvati, en Matura, religian instruiston (guru), kiu lin komprenis. De li multe progresigita, maturigita, li nun kiel plenkreska viro trairis la urbojn de la nordokcidentaj provincoj, por anonci tion, kion li opiniis la vera religio. Kun arda elokventeco, profunda scio kaj granda preteco li batalis kontraŭ la idolkulto, la ritualismo kaj la sociaj misuzoj, kiuj laŭ lia opinio kontraŭdiris la puran, eternan doktrinon de la Vedoj, kaj predikis la restarigon de la prapatra religio kaj ĝeneralan reformon de l' Hindismo. En sennombraj diskutoj kun ortodoksaj bramanoj, kun Mohamedanaj mulaoj kaj Kristanaj misiistoj li konigis siajn ideojn, kaj kolektis adeptojn ĉirkaŭ si. La 10 aprilo 1875 li ilin organizis kiel „Aria Samaj“ (Societo de Arioj). Du jarojn poste tiu ĉi societo kompletiĝis en Lahor, kaj fondis filiojn en tuta Hindio. Parole kaj skribe Dajanando Sarasvati senlace laboris por la disvastigo de siaj ideoj, kaj kiam la 10 oktobro 1883 li mortis en Ajmer, tuta Hindio funebris pro la grandulo, kiu kun malofta energio kaj vasta scio vigle batalis kontraŭ la defendantoj de l' pasinto, kaj penadis revivigi la instruojn de la Vedoj, tiel kaŭzante spiritan kaj socian regeneron de sia popolo.

Post la morto de la fondinto, ties tasko estis daŭrigata de kapabluloj, tiel ke ĝi rapide iĝis pli grava. En 1892 okazis skismo en Aria Samaj. Komenciĝis disputoj pri la demandoj, ĉu estas permesite manĝi viandon, kaj kian lokon oni devas atribui al la Eŭropaj sciencoj en la eduko de la junularo, du demandoj, kiuj decidos, ĉu la opinioj de la mortinta majstro estos devigaj por ĉiuj societanoj aŭ ne. Dum la konservema partio de la Arioj subtenis la principojn de Dajanando, la viandmanĝanta partio alprenis pli liberalajn ideojn. La skismo ne malutilis al la Societo, ĉar spite de iliaj diferencoj, ambaŭ grupoj kiel antaŭe vigle laboris por la realigo de siaj komunaj celoj.

Kiel Luther, kun kiu li ofte estas komparata de siaj adeptoj, Dajanando ĉe siaj religiaj duboj ĉiam sin turnis al la sanktaj skriboj. Studante la Vedojn, li sin konvinkis, ke multaj opinioj kaj kutimoj, kiujn la modernaj Hindoj konsideras ortodoksaj, ne havas pravigon en la Vedoj mem. Plena de l' fervorego de vera reformisto, li do postulis forigon de ĉiuj tiuj misuzoj. „Malantaŭen al la Vedoj“ estis la signalvorto, difinanta lian agadon. Nur al la kvar propraj Vedoj li aljuĝis perfektan aŭtoritaton pri la aferoj de la religia kaj socia vivo; ĉiuj aliaj verkoj ilin akompanantaj, kiel la Bramana kaj la Sutras, havas kompare kun ili nur tiom da valoro, kiom ilia konformeco kun ili allasas. La multaj verkoj, kiuj de la bramanoj estas konsiderataj „smiriti“ t. e. sanktaj laŭ tradicio, kaj estas praktike egaligataj al la Vedoj, kiel la Bagavadgita, la Puranas k. a., estas de li malaprobataj, tial ke ili instruas doktrinojn ne konformajn al la Vedoj kaj sekve ne sanktajn. Malgraŭ tiu ĉi teoria vidpunkto, Dajanando sin ne limigas per la Vedoj. Serio da postaj verkoj, kiel la leĝaro de Manu, la gramatiko de Panini, la Sutras de la ortodoksaj filozofiaj sistemoj (Darŝanas) estas citataj de li kiel atestantoj por la ĝusteco de liaj ideoj; eĉ lia teologia vidpunkto estas bazata sur tiuj verkoj, kaj povas esti difinata kiel eklektismo el la ses Darŝanas. Rimarkinda estas la fakto, ke Dajanando ne konsideris Vedon, kiel faris la plimulto el la Vedo-teologoj antaŭ li, kiel verkon apartenantan nur al la Hindoj, kaj kompreneblan nur por la bramana pastraro, sed ke li vidis en ĝi la dian parolon, kiu nediskuteble apartenas al ĉiuj homoj sen diferenco de kasto kaj raso.

Kvankam li mem estis sinceregа Hindo, kiu, malgraŭ la malbonajoj, kiuj en la daŭro de la jaroj ĝin enpenetris, konsideris Hindismon kiel la doktrinon plej proksiman al la vera religio de la Vedoj, li tamen rezignis la principon, ke oni devas esti naskiĝinta Hindo por aparteni al ĝi, kaj li etendis sian misiistan agadon ankaŭ al Kristanoj, Mohamedanoj kaj al la adeptoj de aliaj religioj. Same karakteriza por lia Vedo-interpretado estas lia opinio, ke la Vedoj kiel eterna fonto de ĉiu vero, devas enteni ĉion, kion la homa kulturo produktas. Tial li trovas en ĝi klarajn aludojn al ĉiuj elpensaĵoj kaj eltrovaĵoj, pri kiuj moderna Eŭropo tiom fieriĝas, pri vaporŝipoj kaj fervojoj, pri la ĥemia kunmeto de l' akvo, la praamerika kulturo kaj la loĝebleco de la planedoj.

La religian doktrinon, kiun Dajanando instruis, trovante ĝin en la Vedoj aŭ metante ĝin en ilin, oni povas mallonge resumi jene: Ekzistas tri eternaj substancoj, kiuj per sia kunagado kaŭzas la mondiradon: la persona Dio, la senviva pramaterio kaj la multego de la individuaj animoj.

Dio estas la kreinto, reganto kaj detruanto de la mondo, la ĉiopenetranta, tutpotenca, justa gvidanto de ĉiuj sortoj. Ekzistas nur unu Dio. Kiam en la sankta skribo estas parolate pri tridek-tri aŭ pli da „devas“, oni ilin konsideru ne kiel sendependajn diaĵojn, sed nur kiel mirindajn naturfortojn. Dio neniam aperas en la mondo en formo homa aŭ besta. Devas do esti kondamnata la dogmo de liaj enkorpiĝoj (avatara) kiel kontraŭa al la skribo, kaj la herooj, kiuj estas rigardataj kiel tiaj, estas nur eminentaj homoj. Same malvera kiel la politeismo estas ankaŭ la adorado de figuraĵoj. Dio estu adorata nur kiel spirito per meditado.

La materia universo formiĝas de eterneco sub la dia influo el la nekreita pramaterio, kaj kiam ĝi estos ekzistinta dum kelkaj milionoj da jaroj, ĝi reeniros en ĝin, ĝis kiam rekomenciĝos nova mondformiĝo. Ĝi estas loĝata de multego da unuopaj animoj, kiuj pro sia nescio, de tempo sen komenciĝo, laŭ siaj bonaj aŭ malbonaj agoj, ĉirkaŭvagadas en korpoj diversegaj. Per virta konduto, per pura adorado kaj ĝusta kompreno de Dio, la animo povas esti savata for de la tera mizero; tiam ĝi, kun konservo de sia individueco, eniĝas en Dion, kaj tie dum 311,040,000,000 jaroj (unu „mahakalpa“) ĝuas feliĉegon, por poste reeniri en la mondon. Spite ĉiuj aliaj Hindaj sistemoj, Dajanando do asertas, ke eĉ la savo ne signifas daŭran liberiĝon de naskiĝo kaj morto.

La universo konsistas el senfina nombro da sunaj sistemoj; ĉirkaŭ ĉiu suno turniĝas planedoj (ĉar eĉ la Kopernikan teorion Dajanando trovas en la Vedoj). La planedoj estas enloĝataj de vivaj estaĵoj, al kiuj same kiel al la teruloj la unu eterna Vedo estis rivelata. Kiam la tero, laŭ la dia volo estis formiĝinta el la elementoj, la animoj al tio pravigitaj de sia „karman“ en antaŭaj ekzistoj eniris en homajn kaj bestajn korpojn, nome tuj en junajn jam plenkreskajn, ĉar se ili naskiĝus infanoj, ili estus senhelpaj kaj nekapablaj multobliĝi. La miloj da homoj, kiuj tiamaniere okupis la mondon, unue loĝis en Tribiŝtapa (Tibeto). Origine ekzistis tie nur unu homspeco. Sed poste ili dividiĝis en „Arioj“ t. e. nobeloj, bonuloj, kaj en „Dasius“ t. e. malbonuloj. Poste la Arioj formis inter si kvar kastojn, la bramanojn, la militistojn, la komercistojn kaj la servistojn. Ekestis malkonsentoj inter Arioj kaj Dasiusoj, kaj pro tio la Arioj elmigris Hindion. Tiu ĉi lando do fariĝis la plej bona en la mondo, kaj prave nomiĝis la regno de la nobeloj (Ariavarta). Batalante kun la barbaroj kaj la kiel demonoj reprezentitaj Asirianoj kaj kun la negroj (Raksasas), ili etendis sian estrecon sur la mondon; ili estris eĉ en Ameriko, ĉar la rampuloj (Nagas), kiuj enloĝas la inferon (patala), tute ne estas supernaturaj estaĵoj vivantaj subtere, sed ili estas pli ĝuste antipodoj, t. e. homoj loĝantaj ĉe la alia flanko de nia planedo. Sekve de internaj malkonsentoj, de idolkulto kaj malmoraleco, la

Arioj perdis ne nur la mondestrecon, sed ankaŭ la estrecon en sia propra lando. La Hinda popolo povos regajni sian antaŭan brilon nur per religia unuiĝo kaj restariĝo de la vera religio kaj de la bonmoreco. Tial la klopodo de Aria Samaj estas restarigi la malaperintan staton de religia kaj morala pureco.

*(Daŭrigota.)* *D-ro Helmut v. Glasenapp.*
El la revuo „Der neue Orient"
Trad.: *A. C.*

---

# La milito ĉe la formikoj

II

Sed kio povas pli multe nin interesi, estas vidi kiel, ĉe niaj fratoj la insektoj, aperas la instinkto de la milito, kiel ĝi plifortiĝas kaj ĉu ĝi estas aŭ ne ŝanĝebla. Tie ĉi, la eksperimentoj de Forel kondukas al observoj tute rimarkindaj.

J. H. Fabre, en fama peco de sia *Vivo de la insektoj* skribas, ke „la rabado estas leĝo en la interbatiĝo de la vivantoj . . . En la naturo, la mortigo estas ĉie, ĉio renkontas hokon, ponardon, sagon, denton, pinĉilon, prenilon, segilon, kruelegajn maŝinojn, kiuj mordkaptas . . . k. t. p." Sed li troĝrandiĝas. Li mirinde vidas la faktojn de interbuĉado kaj de intermanĝado; li ne vidas tiujn de interhelpado kaj de asociado. Bela libro de Kropotkine rimarkigis tiujn ĉi en la tuta naturo. La tre precizaj observoj de Forel montras, ke ĉe la formikoj la milit- kaj rabinstinkto trovas sur sia vojo kontraŭajn instinktojn, kiuj povas venke ĝin haltigi aŭ modifi:

Unue, Forel klarigas, ke la militinstinkto ne estas fundamenta: oni ne trovas ĝin ĉe la vekiĝo de l' vivo de la formikoj. Metante kune jus eloviĝintajn formikojn de tri diversaj specoj kaj donante al ili prizorgotajn kokonojn de ses diversaj specoj, Forel ricevas miksan formikaron vivantan en perfekta komprenpovo. La sola ĉefinstinkto de la novaj eloviĝintoj estas la hejmlaboro kaj la prizorgo de la larvoj. „Nur pli malfrue la formikoj lernas distingi amikon de malamiko, scii, ke ili estas membroj de formikejo kaj batali por ĝi."

La dua rimarko, ankoraŭ pli miriga, estas, ke la intenseco de la militinstinkto estas rekte proporcia al la nombro de la kolektivajo. Du formikoj de malamikaj specoj, kiuj sin renkontas izole sur vojo, je granda distanco de sia nesto kaj de sia popolo, evitas unu la alian kaj rapide forkuras, ĉiu al malsama flanko. Se vi eĉ prenas ilin en plena batalo, en ĝenerala interbatiĝo, kaj se vi metas ilin ambaŭ solajn en tre malgranda skatolo, ili faros al si reciproke nenian malbonon. Se, anstataŭ du malamikajn formikojn, vi enfermas malgrandan nombron de ili en malvasta spaco, ili nur komencos ekbatalon malfortan kaj sensekvan, poste ĉesos, kaj tre ofte finos per alianco, kiu foje farita ne plu povas detruiĝi. Sed reloku la samajn formikojn en la tuton de ilia popolo, dividu bone ambaŭ popolojn, metu inter ili konvenan distancon, kiu ebligus al ili vivi pace, ĉiu flanke de la alia: ili sin jetegos unu sur la alian, kaj la individuoj, kiuj sin jus reciproke evitis, kun antipatio aŭ timo, interbuĉos sin furioze. La militinstinkto estas do kolektiva infektiĝo.

Tiu ĉi epidemio alprenas iufoje karakteron klare patologian. Laŭmezure de ĝia plivastiĝo kaj plilongiĝo de l' interbato, la batalema furiozeco fariĝas frenezegeco. La sama formiko, kiu sin montris timema en la komenco, falas en krizon de rabia frenezeco. Ĝi rekonas nenion plu. Ĝi sin ĵetas sur siajn kamaradojn, ĝi mortigas siajn sklavojn, kiuj penas ĝin kvietigi, ĝi mordas ĉion, kion ĝi trovas, ĝi mordas pecojn de ligno, ĝi ne plu povas trovi sian vojon. Necesas, ke la aliaj, ĝenerale la sklavoj, sin metu du- aŭ triope ĉirkaŭ ĝi, prenu ĝiajn piedetojn, ĝin karesu per siaj antenoj ĝis ĝi retrovos . . . mi diros: „sian saĝon"? Kial ne? Ĉu ĝi ne estis ĝin perdinta?

Ĝis nun, ni okupiĝis nur pri ĝeneralaj fenomenoj obeantaj al sufiĉe fiksaj leĝoj. Sed jen nun la apero de individuaj fenomenoj, kies iniciato kurioze kolizios kontraŭ la instinkto de l' speco, kaj — ankoraŭ pli kurioze — ĝin devojigos aŭ nuligos.

Forel metas en botelego formikojn de malamikaj specoj: *sanguinea* kaj *pratensis*. Post kelkaj tagoj de milito, sekvita de sovaĝa kaj malfidema militpaŭzo, li enkondukas inter ili malgrandan novenaskitan *„pratensis"*, tre malsatan. Ĝi kuras por peti manĝajon al siaj samspeculoj. La *„pratenses"* ĝin forpuŝas. Tiam, la senkulpulo sin turnas al la malamikoj de sia raso, la *sanguineae* kaj, laŭ la kutimo de l' formikoj, ĝi lekas la buŝon de du el ili. La du *sanguineae* estas tiel kaptitaj de tiu ĉi gesto, kiu konfuzegas ilian instinkton, ke ili elgorĝigas la mielajon al la malgranda malamiko. De tiam, ĉio estas dirita kaj por ĉiam. Alianco ataka kaj defenda estas konkludita inter la malgranda *pratensis* kaj la *sanguineae* kontraŭ tiuj de ĝia raso. Tiu ĉi alianco estas nenuligebla.

Alia ekzemplo: la komuna danĝero. Forel metas en sako formikaron de *sanguineae* kaj formikaron de *pratenses;* li skuas ilin kune, poste lasas ilin enfermitaj en la sako dum unu horo; post tio li malfermas la sakon, metante ĝin en senpera komuniko kun artefarita nesto. Je la unuaj momentoj estas ĝenerala freneziĝo, delira timego: la formikoj ne plu rekonas sin reciproke, montras siajn mandibulojn kaj forkuras, farante frenezajn dekliniĝojn. Poste, la kvieteco restariĝas iom post iom. La unuaj, la *sanguineae,* transportas la kokonojn, *ĉiujn* kokonojn de ambaŭ specoj. Iuj *pratenses* imitas ilin. Kelkaj bataloj ankoraŭ okazas de tempo al tempo, sed ili estas izolaj kaj malfortiĝas. De la morgaŭo ĉiuj laboras interkonsente. Kvar tagojn poste, la alianco estas plena; la *pratenses* elgorĝigas la nutrajon al la *sanguineae.* Je la fino de la semajno, Forel portas ilin apud forlasita formikejo. Ili instalas sin tie, interhelpas sin ĉe la transloĝiĝo, portas sin unuj la aliajn. Sole kelkaj izolaj individuoj de ambaŭ specoj, sendube maljunaj tute malcedemaj naciistoj, konservas sian sanktan malamon, kaj fine lasas sin mortigi. Dekkvin tagojn poste, la miksa formikejo estas floranta, la interkompreno perfekta; la kupolo, kiu ordinare estas kovrata precipe de *pratenses,* fariĝas ruĝa de militaj *sanguineae,* tuj kiam danĝero minacas la komunan ŝtaton. Daŭrigante la eksperimenton, Forel, la sekvantan monaton, iras serĉi novan plenmanon da *pratenses* en la malnova formikejo, kaj ĝin lokas antaŭ la miksa formikejo. La novevenintoj sin ĵetas sur la *sanguineae.* Sed tiuj ĉi tuj rebatas ilin sen fortotrudo, ili kontentiĝas ruligante teren la atakintojn kaj ilin reliberigas fine. La *pratenses* nenion komprenas je tio. Rilate la aliajn *pratenses* de la miksa formikejo, ili evitas siajn malnovajn fratojn, ne kontraŭbatalas ilin, sed transportas iliajn kokonojn hejmen. Por ili atakemaj estas la novevenintoj. La morgaŭon, parto de ili estas akceptita en la miksa formikejo, kaj la paco ne malfruiĝas konkludiĝi por ĉiam. Neniuokaze oni vidas la *pratenses* de la miksa formikejo alianci kun la novevenintaj fratoj kontraŭ la *sanguineae.* La amika alianco estas pli forta ol la rasa frateco; inter ambaŭ malamikaj specoj, la malamo estas de nun venkita."

* * *

Tiaj ekzemploj sufiĉas por montri la pereigan eraron de tiuj, kiuj kredas pri la kvazaŭ sankta neŝanĝebleco de la insektoj, kaj kiuj, post kiam ili enskribis tie la militinstinkton, vidas en tio fatalecon, altruditan de malsupre ĝis supre de la ĉeno de l' estajoj. Unue, la instinkto allasas ĉiujn gradojn de ordono, nefleksebla aŭ fleksebla, absoluta aŭ relativa, daŭranta aŭ pasanta, ne nur de unu gento al alia, sed en la sama gento, de unu speco al alia [1], kaj, en la sama speco de unu grupo al alia. La instinkto ne estas elirpunkto, sed jam produkto de la evoluo, kaj kun ĉi tiu ĝi ĉiam marŝas. La plej fiksa instinkto estas simple la plej malnova. Oni do devas konsenti, laŭ la antaŭaj ekzemploj, ke la instinkto de la milito ne estas tiel profunde enradikigita, kiel ajn primitiva ĝi estas nomata, ĉar ĝi povas esti kontraŭbatalata, modifata, bridata ĉe specoj de formikoj tamen militemaj. Kaj se tiuj kompatindaj insektoj kapablas reagi kontraŭ ĝi, transformi sian naturon, postvenigi al la konkermilitoj la pacan kooperadon, al la stadio de malamikaj ŝtatoj tiun de kunligitaj ŝtatoj, eĉ de miksitaj kaj unuigitaj ŝtatoj, ĉu la homo konfesos sin pli ligita per siaj plej malbonaj instinktoj kaj malpli libera ilin estri? Belga verkistino, S-ino Lucy Kufferath, skribis: „La milito nin malaltigas ĝis la nivelo de la besto." La milito nin malaltigas pli malsupren, se ni montras nin malpli kapablaj nin liberigi de ĝi ol certaj bestaj societoj. Estus iom hontinde konfesi ilian superecon. Sed kiu scias? . . . Mi ne estas tre certa, ke la homo estas, kiel oni diras, la reĝo de la naturo: li estas pli vere ĝia tirano dezertiganta. Mi kredas, ke en multaj aferoj li devus lerni de tiuj bestaj societoj, pli malnovaj ol la lia kaj senfine diversaj.

Cetere, ne temas tie ĉi profeti, ĉu la homaro sukcesos iam (ne pli ol la mondo de la formikoj) regi siajn blindajn instinktojn. Sed kio min pripensigas dum mi legas Forel, estas, ke por tiu ĉi venko estus neniu neebleco radikala, absoluta, definitiva. Kaj ke progreso ne estas neebla — eĉ se oni ne realigas ĝin — estas al mi penso malpli sufoka ol scii, ke, kion ajn oni faru, oni sin rompas kontraŭ muro. Estas la fermita fenestro (kaj tre malpurigita), trans kiu estas la luma aero. Ĝi eble neniam malfermiĝos. Sed estas nur vitro rompota. Sufiĉas libera gesto. [2]

*Romain Rolland.*

Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

[1] Unu el la grandaj kaŭzoj de eraro, kiam oni pretendas juĝi pri insektoj, estas, ke la observon de unu aŭ de kelkaj specoj oni ĝeneraligas al la tuta gento. Nu, tiuj specoj estas ekstreme nombraj. Inter la formikoj mem oni konas nuntempe, skribas al mi S-ro D-ro A. Forel, pli ol 7.500 specojn, kaj ili prezentas ĉiujn nuancojn, ĉiujn gradojn de l' instinkto.

[2] Mi ja scias, ke tiu ĉi lasta aserto ŝajnas en plena malakordo kun la penso de A. Forel, kiu neas la liberecon de nia arbitro aŭ de nia volo. Sed mi ne pretendis tie ĉi remalfermi la eternan debaton pri la Libera Arbitro kaj pri la Determinismo, kiu ŝajnas al mi pliparte vorta demando.

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La Ĉina gazetaro.** — La Pekinga korespondanto de la „Times" donas kelkajn informojn pri la Ĉina gazetaro tre malmulte konata eksterlande.

La gazetaro en Ĉinio ne ankoraŭ faris gravajn progresojn. Nur la ĵurnaloj aperantaj en Pekingo estas atentindaj. La ĉefaj estas la fremdaj ĵurnaloj: tri Anglaj kaj unu Franca, kiuj estas laŭnome posedataj de Ĉinoj, sed fakte estas subtenataj de la Angla kaj Franca registaroj. Alia ĵurnalo, Ĉine skribita, apartenas al Japano kaj estas uzata de la Japanaj komercistoj kiel anoncfolio; ĝi estas la plej disvastigata.

Tiuj ĵurnaloj eldonataj de fremduloj havas sian propran presejon. Krom tio ekzistas en Pekingo ne malpli ol 35 ĉiutagaj ĵurnaloj, sed neniu havas eldonon de pli ol 3000 ekzempleroj, kaj apenaŭ ses aperas po pli ol 1000 ekzempleroj. La ceteraj estas malmulte vendataj, sed aperas precipe por servi la interesojn de iuj eminentuloj aŭ politikaj grupoj.

La reklama parto apenaŭ ekzistas, ĉar la aferoj konkludiĝas en ankoraŭ tre primitivaj formoj, kaj mankas publiko por ĵurnalreklamoj. La ĵurnaloj estas senescepte organoj de politikistoj aŭ politikaj partioj, kiuj per ili celas varbi partianojn. Por presigi ĉiutage tiujn 35 ĵurnalojn, ekzistas nur ses presejoj. Komposti Ĉinan ĵurnalon estas eksterordinare malfacila entrepreno, ĉar la Ĉina preslaboristo devas labori, ne kun dudek kaj kelkaj literoj, sed kun proksimume 5000 malsamaj signoj. Estas nesolvita enigmo de la Ĉina kompostarto, kiel neinstruita kulio povas plenumi tiun nekredeble komplikan laboron por du dolaroj monate. Ĉiuokaze estas apenaŭ komprenebla, kiel tiuj malmultaj presejoj povas presigi ĉiutage tiom multajn ĵurnalojn.

La redaktistaro de Ĉina folio kutime konsistas el la eldonanto kaj posedanto, kiuj estas ĉiam unu kaj sama persono. Nur unu aŭ du ĵurnaloj havas propran informiston pri lokaj aferoj. Por ekstera politiko estas nenia interesiĝo; oni malmulte parolas pri la milito. Ĉar la Ĉinoj metas ĉiujn fremdulojn, escepte la Japanojn, en la saman poton, ili ne komprenas, ke Francoj kaj Germanoj, Angloj kaj Turkoj sin reciproke kontraŭbatalas; mankas al ili la kompreno pri la diferencigo de tiuj nacioj. La Ĉinoj interesiĝas precipe pri interna politiko kaj ankoraŭ pli pri klaĉado. La ĵurnalistoj estas plejparte studentoj, kiuj moderne instruiĝis en Japanio; ili kontrastas kun la malmultaj malnovmodaj verkistoj, kiuj taksas la valoron de ĵurnalartikolo laŭ la bela aranĝo de la frazoj. Kun tiuj modernaj elementoj progresas, kvankam rapide, la spirito de objektiveco kaj pli bona informiĝo.

∴ **Humana fondajo.** — D-ro George C. Vincent, prezidanto de la fondaĵo Rockefeller, donacis al ĝi 100 milionojn da dolaroj. Laŭ la programo akceptita de tiu instituco estos elspezataj ĉiujare kelkaj milionoj por kontraŭbatali la malbonojn, de kiuj suferas la homaro en ĉiuj mondpartoj. D-ro Vincent komunikis, ke majorgeneralo William C. Georges, antaŭe ĉefkuracisto de la Usona armeo, baldaŭ gvidos ekspedicion de sciencistoj al centra kaj suda Ameriko por tie labori pri la forigo de la flava febro. Li estos akompanata de kvindeko da famaj specialistoj kaj oni esperas, ke la febro estos eliminebla en kelkaj jaroj, se oni atakas la malsanon je ĝia radiko. La instituco ankaŭ projektas ekspedicion al Ĉinio kaj aliaj landoj de Azio por ilin liberigi je la pesto. La fondaĵo Rockefeller malfermos en 1920 nun konstruatan medicinan lernejon en Pekingo, kiu kostis 6 milionojn da dolaroj, kaj alian en Shanghai.

∴ **Alkoholemo.** — Kiel konate, Norvegio decidis absolutan malpermeson de alkoholo de post la komenco de l' milito. Sed estas rimarkinde, ke malgraŭ tre severa traktado la drinkemo ne povis esti plene forigita. La gazeto „Morgenavisen" el Bergen skribas sub la titolo „Kion oni trinkas": La drinkul-arestejo estas bone vizitata. El esploro pri la ebriajoj, rezultas, ke plej uzata estas la netrinkebligita alkoholo miksita kun aliaj trinkaĵoj. Flanke de tio oni ofte trinkas harakvon kaj ankaŭ petrolon miksitan kun sambuksiropo. Arestita drinkulo rakontis, ke li trinkis nafton.

∴ **La unuigo de l' kalendaro.** — La Serba ministraro decidis unuigi la kalendarojn Gregorian kaj Julian. En la civilaj kaj komercaj rilatoj oni uzos nur la Gregorian kalendaron; la malnova stilo estos uzata nur en la ortodoksa eklezio. La ministraro baldaŭ rilatos kun la ĉefoj de la ortodoksa eklezio por diskuti la demandon pri la enkonduko de la nova stilo ankaŭ en la eklezion. En la aliaj Jugoslavaj landoj: Kroatio, Slovenio, Bosnio-Hercegovino, Dalmatio, kiuj dependis de Aŭstrio-Hungario, jam ekzistas de longe la nova stilo.



## LITERATURO



# Ziré Buzette

Rakonto de **Maurice Des Ombiaux**[1]

De multaj jaroj Ziré Buzette[2] tusis kompatinde, per unu el tiuj malbonaj raŭkaj tusoj, kiuj kvazaŭ ŝirskrapas la bruston kaj dirigas pri la malsanulo:

— Li estas baldaŭ mortonta!

Prave dirite: de longe Ziré Buzette estis baldaŭ mortonta.

Domblankigisto dum la somero, li ĉiam tusetante foriris frumatene kun la sitelo, la kalko, la bluigaĵo, la brosiloj kaj la brosstango.

— Kompatinda Ziré Buzette, oni diris, plenumi tian profesion kun tiel malbona sanstato! La kalko manĝas liajn pulmojn. Certe li ne plu longe vivos!

— Tiu malfeliĉa Ziré Buzette, kiel kuraĝa li estas! Li rifuzas sin flegigi en hospitalo kaj persistas labori kvankam la bluigaĵo venenis lian sangon. Certe li ne plu longe laboros!

Kaj Ziré iradis por kalkŝmiri la domojn, tusetante sur la ŝtuparo, kun vizaĝo blanka kiel lia antaŭtuko. Li blankŝmiris ankaŭ la kuirejojn kaj ĉambrojn, kaj pro kompato oni lin bone zorgadis.

Li ĉiam postulis moderajn prezojn; tial oni vokis lin de ĉie, oni batalis por lin havi, oni rapidis lin dungi kiel eble plej frue. Eĉ en la mizeraj dometoj oni metis por li pecon da viando sur la paton.

— Kompatinda Ziré Buzette! Li bezonas fortiĝi! Li plene konsumiĝis! Ne longe li vivos!

En la farmoj oni ĉiutage trinkigis al li iom da bona vino: tion li ankaŭ tre bezonis, ĉar nelonge li estis vivonta!

Tamen Ziré Buzette ĉiam vivis. Li eĉ tiel vivis, ke dimanĉe por dancigi la junularon, ĉe la komunumaj festoj, li ludis violonon sur la el kvar bareloj kaj plankoj konstruitaj kioskoj, apud la sterkopajlaĵoj. Li violonaĉis tusetante inter la klarnet- kaj trombonludantoj.

— Kompatinda Ziré Buzette, kiel mizera li devas esti, por suferi malvarmon dum tuta vespero kun tia malsano! Li agas nesaĝe. Oni ne povas ne kompati, vidante lian tremadon kaj tusadon. Jes, certe, li ne plu longe vivos!

Tial, je ĉiu muzikpaŭzo, oni grandkvante regaladis lin per biero, juniperbrando, eĉ per ĉampano kaj ankaŭ per grandaj pecoj da torto. Oni tion ja preskaŭ devis fari por tia kompatindega mortonto!

Oni ŝatis lin kiel muzikiston: li estis la gvidanto de la orkestreto, kaj neniu sciis dancigi kiel li. Li ludis kun tiom da vigleco, da vervo kaj takto, ke la kruroj eĉ de la plej mallertaj kaj de la komencantoj facilege moviĝis.

Jam komence de la jaro la ĉefoj de la junularo interkonsentis kun li por esti certa, ke li ne mankos. Kiel dorlotata li estis! Kiom da trinkaĵoj oni donis al li! Por li oni metis bierbareleton sur la kioskon de la muzikistoj. Ĉu ne estis necese ame zorgi pri tiu ĉi bona Ziré Buzette, ĉar alie li ne plu longe ludus kaj tiam kiu dancigus!

Ziré Buzette neniam rifuzis ion, trinkis ĉion, manĝis ĉion, malrapide, ĉiam malrapide. Kiu lin tiamomente vidus, tiu certe ne kredus, ke li ne plu longe vivos. Vera engluteganto, tiu ĉi Ziré Buzette!

[1] Maurice Des Ombiaux naskiĝis en 1868 en Beauraing (Belgio). Li speciale priskribis Valonion kaj pritraktis ĉiujn folklorajn, rasajn kaj legendajn rimarkindajojn de la franclingva parto de Belgio.

[2] Ziré = ma longigo de Désiré. — Buzette = kromnomo. En vilaĝoj kaj urbetoj de Valonio preskaŭ ĉiu familio havas sian heredan kromnomon, tiel ke la leĝa ofte estas nekonata. Tiuj kromnomoj aludas pri bestoj, pri fizikaj apartaĵoj, pri metioj kaj plej ofte havas nenian signifon (ekzemple: la „koko", la „harbukiulo", la „talpisto", „Popo"). Oni diras ekzemple, ke la filo de la „variolmakulito" edziĝis kun la filino de la „suprenlevita herbtufo". Se vi petos iun laŭ lia vera nomo, oni ne komprenos, oni petos de najbaroj la „tradukon", t. e. la kromnomon, kiu karakterizas la individuon. Buzette signifas: tubeto. Ĝi rilatas plej ofte al tiu, kiu ĵetas eksteren la pluvakvon el defluilo, kiam la cisternoj estas plenaj. — *(Rim. de l' trad.)*

— Lia malsano postulas tiun kvanton, pensis la vilaĝanoj. Ho! ĉio tio estas nepre necesa por lin revigligi, la malfeliĉulon, kaj cetere malgraŭ ĉio li ne estas plu longe vivonta!

Li havis mienon mildan, plaĉan kaj rezignacian, kiel la vilaĝaj violonistoj.

Ziré Buzette ankaŭ dancigis la junularon en la riĉaj familioj de la vilaĝo kaj ĉirkaŭaĵoj, kiam okazas baptofesto, edziĝo aŭ fianĉiĝo. Ĉe oni pli bone lin traktadis ol laboriston aŭ serviston. Por li estis ĉiam pliaĵo, oni estis simpatia al li. Li estis preskaŭ amiko, eble io pli, precipe li estis tiu, kiu ne plu longe vivos!

Vintre oni ne blankŝmiras la domojn, ankaŭ la komunumaj festoj ne okazas. Por gajni sian vivon kaj okupi sian liberan tempon Ziré Buzette tiam plenumis, ĉiam tusetante, la ŝuistan metion. Verdire, li ne estis rimarkinde lerta en tiu ĉi profesio, mi preskaŭ dirus en tiu ĉi arto, — tamen ne mankis la laboro. La ŝuoj de li faritaj suferigis la piedojn, sed oni komisiis al li replandumojn aŭ flikaĵojn. Li iris ĉe privatulojn por finaranĝi la pantoflojn, kiujn la mastrumistinoj estis brodintaj sur kanvaso, por la dorlotataj edzoj aŭ por la logotaj amantoj. Li ankaŭ faradis infanajn botetojn. Tiu ĉi malfeliĉa Ziré Buzette, Dio mia! ja estis helpinda; humaneco, devo, postulis, ke oni havigu al li laboron, ĉar neniu jam povis dubi, ke li ne estis plu longe vivonta.

Malfortika, malsaneta, ĉiam tusetanta, Ziré Buzette baldaŭ mortonta, tamen jam enterigis du edzinojn. Lia unua, laŭdire, edziniĝis kun li pro kompato.

— Ni risku la aferon, ŝi pensis, tio ne ligas por longatempe, li ne plu longe vivos.

Ŝi estis mortinta pro malvarmumo.

La dua edziniĝis kun li pro lia modesta ŝparitaĵo.

— Bona afero, ŝi kalkulis, mi nenion posedas, li havas etan posedaĵon, kaj, ĉar li ne plu longe vivos, mi heredos kaj elektos poste la edzon, kiun mi deziros.

Ŝi mortis.

Nun oni diris en la vilaĝo, ke li trian fojon volas edziĝi kun la apenaŭ dudekjara filino de la forĝisto de Erquelinnes!

— Malsaĝa intenco! Ĉu oni iam vidis tion? babiladis la virinoj! Tio nepre mortigos tiun ĉi kompatindan Ziré Buzette, kiu, kiel oni scias, estis ne plu longe vivonta!

— Jen ankoraŭ virino, kiu avidrigardas lian domon kaj fruktĝardenon, diris aliaj; kia senhontulino! ŝi bone scias, ke li ne plu longe vivos! Fine, se tio al li plaĉas, li estas prava: en lia situacio ni same agus, li ne prokrastu, ĉar li ne plu longe vivos!

Ziré Buzette posedis dometon kaj kulturejon, kiujn ĉirkaŭis la bieno de fratoj Blairaux, la plej riĉaj el la vilaĝo. Unu estis vilaĝestro, la dua farmisto, la tria kasisto de la Bonfara Oficejo, ĉiuj tri fraŭloj. Grandaj fortikuloj, sekaj kiel vipteniloj, ili ŝajnis destinitaj por centjara vivado. Ili posedis pli ol kvindek hektaroj da tero kaj aĉetadis ankoraŭ ĉiujare; oni asertis, ke la duono de la vilaĝeto apartenas al ili.

La farmo, la herbejo, la ĝardeno, la fruktarbejo prezentis entute ion imponan. Ĝi estis la ĉefa el la vilaĝaj bienoj. Ĝi estis kostinta al ili multe da mono kaj peno. Ili estis devintaj aĉeti de iu terpeceton, de alia dometaĉon, barakon ĉi tie, fornon tie, malkonstrui, terplenigi, niveli. Por ke la kvadrato estu kompleta kun perfekta unueco, mankis al ili nur la dometo de Ziré Buzette.

— Li ne plu longe vivos, diradis ili inter si, kiam li mortos, ni aĉetos ĝin malkare.

Sed la deziro fine venkis ilian rezonadon. Ili volis tuj havi la posedaĵon, timante, ke post la morto la heredantoj eble starigos malhelpaĵojn, prezentos grandajn postulojn!

Post ĉiuspecaj intrigoj, kun la multaj ruzaĵoj de la kampuloj, ili ektraktadis kun la kalkŝmiristo. Sed spite ĉiaj ruzoj Ziré Buzette volis nenion aŭdi. Li balancis sian palan kaj malsanan vizaĝon kaj diris tusetante:

— Petu de mi ĉion, kion vi volas, bonaj sinjoroj Blairaux, sed ne, ke mi forlasu la domon de miaj geavoj. Mi ne plu longe vivos, vi ĝin bone scias. Paciencu, mi ne vivos aliloke dum mia mallonga vivtempo. Mi mortos en la domo, kie mi naskiĝis kaj en kiu miaj gepatroj mortis.

Li milde kaj ĝentile kontraŭstaris al la insistaj proponoj de siaj najbaroj. Nenio estis farebla. Li restis neŝancelebla.

Ili provis timigi lin per minacoj. Vane. Ili senigis lin de sia klienteco, kaj la vilaĝestro mendis alian muzikiston por la komunuma festo.

Ziré Buzette sin sentis tuŝita per tiu ĉi frapo: li tusis pli multe. Ĉiuj kampuloj partianiĝis al li; la junularo forlasis la oficialan balon kaj pagis mem la orkestron de la plafonisto. Oni insultis la komunumestron. Kiel senkora li estis, turmentante homon, kiu ne plu longe vivos! Antaŭ lia domo estis organizata bruega kaserola muzikaĉo.

Oni profitis la okazintaĵon kontraŭ la vilaĝestro okaze de la balotoj, kaj oni volis enskribi Ziré Buzette sur la kandidatliston. Li estus la ĉefa kontraŭulo, kaj, ĉar li ne plu longe vivos, li ne ĝenus. Sed li havis sufiĉe da saĝo por rifuzi.

Dezirante plibonigi la situacion, la fratoj Blairaux paciĝis kun li; ili komencis proponi pli da mono ol antaŭe: spite la tento Ziré Buzette respondis tusetante:

— Ne, miaj bonaj sinjoroj, domo kiel mia valoras 8 %. Je la proponita prezo mi perdus . . . Kaj mi volas morti en la loĝejo de mia patro.

— Vendu ĝin al ni, vi povos ĝin loĝi dumvive, diris la kasisto de la Bonfara Oficejo, pensante, ke Ziré Buzette ne plu longe vivos.

Tiu ideo ne malplaĉis al la blankŝmiristo. Oni diskutis kaj fine interkonsentis. Ziré Buzette rajtus uzi sian dometon ĝis la morto, kaj la fratoj Blairaux pagus al li la renton — unu aŭ du fojojn, ne pli, ĉar Ziré Buzette ne plu longe vivos.

Ĉie en la vilaĝo oni diris:

— La fratoj Blairaux estas veraj vulpoj; ili aĉetis la bienon de Ziré Buzette por panpeco, ĉar Ziré Buzette ne plu longe vivos!

Ĉiujare Ziré Buzette ricevis la renton. Ĉiufoje la fratoj Blairaux frotis al si la manojn, pensante, ke ili pagas la lastan fojon.

La vilaĝestro mortis, ne vidinte la fruktplantejon de la plafonisto kunigita al sia bieno. La du aliaj havis nekontentan mienon, kiam Ziré Buzette tusetante venis por preni sian renton.

La farmisto ankaŭ mortis, ne aneksinte la posedaĵon de la violonisto, kaj Ziré, kiu estis ne plu longe vivonta, venis tusetante enspezi siajn procentaĵojn.

La kasisto de la Bonfara Oficejo fariĝis kaduka, dum Ziré, eterne kompatinda, ĉiam tusetis kaj monon enpoŝigis. Li estis jam ricevinta du- aŭ trioble la valoron de sia kampo. Tamen en la vilaĝo oni ne ĉesis ripeti:

— Jen vidu, Blairaux, kian ŝancon li havas! Li akiras la domon de Ziré Buzette malkarege, ĉar la kompatindulo ne plu longe vivos!

Freneza deziro strangoli la plafoniston tremigis liajn fingrojn ĉiufoje, kiam li devis doni al li la belajn monerojn. Perdinte paciencon li fine diris:

— Nu! vi do neniam mortos? vi!?

— Sinjoro Blairaux, kiel vi povas diri tion al malfeliĉulo kiel mi, kiu ne plu longe vivos? respondis li, kompatinda kaj tusetanta.

Li ĉeestis la enterigon de la tria Blairaux kaj mortis pli ol centjara. Dum pli ol tri kvaronoj da jarcento li estis baldaŭ mortonta!

*Maurice Des Ombiaux.*

Trad.: *Renaud Richez.*

---

# Pro kio?

de **Rachel Häring**

„Panjo, pro kio ili nin batas, pro kio?“ Dina manŝtopas la buŝon de l' fileto „Silentu, silentu, tion oni ne devas paroli, eĉ la muroj havas orelojn“.

La okuloj de l'infano obstine rigardas la vizaĝon de la patrino, tiuj ĉi okuloj grandaj, mallumaj, sur kies fundo miloj da sekretoj ankoraŭ dormetas.

Buŝo, kiu ne konas la infanajn gojridetojn, ĉirkaŭ kiu nun malgaja medito troviĝas, demandas tre ofte tiel strange, ke la patrina koro kuntiriĝas. Ŝi ja scias, ke infanoj kun tiaj profundaj, enigmoplenaj okuloj kaj kun tiel travideble-blankaj vizaĝetoj, kun reto de vejnoj bluetaj sur la tempio, ne povas longe vivi.

Ankoraŭ antaŭ la naskiĝo stampas la morto sian stigmon sur iliaj fruntoj. La instruisto ĉiam al ŝi diras: „Dina, via filo estas mirinde saĝa knabo, ke li nur vivu!“ kaj balancas ĉe tio malgaje la kapon. Dina preĝas varmege al Dio por lia vivo. Ŝi eĉ estus pli kontenta, se ŝia infano estus malpli saĝa, kvankam tio ŝian patrinan vantecon flatas. Ke li nur vivu!

„Panjo, mi iris hieraŭ sur la strato, iu knabo postkuris min kaj vokis senĉese: „Judo, Judo, fava Judo“, kaj poste jetis al mi ŝtonon, mi ja nenion malbonan faris al li, do pro kio?

La dolora plendo tremas en la kapo de l' infano, kaj larmoj perforte estas haltigataj; lia juna animeto ne povas tion ankoraŭ ekkompreni; li sentas nur instinkte, ke okazas ia maljustaĵo, sanga maljustaĵo.

„Fileto, tio estas ilia tero, ili povas ĉion fari kun ni, kio nur al ili plaĉas, ni estas en galuth'o.“[1] La voĉo de Dina estas plena de rezignacio kaj subiĝemo je la verdikto de la Plej Supera.

„Panjo, mi ja lernis, ke la tuta mondo kaj ĉio sur ĝi apartenas al Dio, ni nur estas ĉi tie preterpasantoj; kiam Li nin alvokas, ni lasas ĉion.“

Dina aŭskultas la vortojn de l'infano kun haltigita spiro, ploras pro miro kaj ravo, kaj lian ekbruligitan kapon karese alpremas al la brusto . . .

„Panjo, vi aŭdas?“ La infano paliĝis subite, la antaŭsento kvazaŭ birdo malbonaŭgura per mallumaj flugiloj lian frunton ektuŝis.

„Ĉu vi aŭdas la krion, kio estas?“ Kvazaŭ devojiĝinta birdo, enfalis kuglo, brilante per unu okulpalpebrumo en la aero kaj kvazaŭ jam en de longe elektitan celon ĝi profunde eniĝis en la bruston de l'infano, eltrinkante ĝian purpurkoloran sangon. Sovaĝa rido akompanis la siblon de l' kuglo kaj la tinton de l' disrompataj fenestrovitroj: „Ankoraŭ unu Judo malpli.“

En la cerbo de l'agonianta infano volviĝas ankoraŭ senhalte la komencita fadenaro de l' pensoj kaj de tiu ĉi demando, je kiu li nenian respondon ricevis, je kiu neniu respondo estas; la paliĝinta buŝeto elparoletis la lastan fojon: „Pro kio ili . . .?“

La daŭrigo perdiĝis en la murmureto de l' mallumaj flugiloj de l'morto . . .

Malantaŭ la fenestroj, sur la strato ŝanceliĝas kvazaŭ ĉielarkoj koloraj la standardoj kun la arĝente-pluma aglo preparanta sin al la suprenflugo: la vento forportas malproksimen la eĥon de triumfa kanto kaj laŭtajn ekkriojn.

En la malgranda ĉambreto infaneto kuŝas Hebrea, rivero de purpurkolora sango eliĝas el malgranda vundo, ruĝe kolorigante la sur la brusto deŝiritan blankan ĉemizeton.

Nur la okuloj de l' infano estingiĝintaj kaj en mortteruro larĝe malfermegitaj kun muta rigardas riproĉo: en ĉiuj ĉambret-anguloj sonas ankoraŭ lia suferplena plendo: pro kio, pro kio?

El Pola lingvo trad.: *Salo Grenkamp.*

[1] T. e. ekzilo Hebrea.

# Novaj perspektivoj

I.

La fino de la milito kaj la esperebla baldaŭa konkludo de la paco trudas al la Esperantistaro novajn devojn. Dum kvar jaroj, nia plej alta ambicio sin limigis al la konservado de la ekzistantajoj kaj al la kontraŭbatalado de la pereigaj efikoj de la milito. *Elteni*, tia estis nia devizo, kaj neniu povas kontesti, ke tiun limigitan celon ni atingis en kontentiga maniero. Sed de nun aliaj perspektivoj, aliaj taskoj sin prezentas antaŭ niaj okuloj. Al nia agado ni devas difini pli vastajn celojn. Anstataŭ elteni, ni devas *progresi*, fari nian movadon pli potenca ol ĝi iam estis, konkeri al Esperanto novan publikon — ĉio neebla sen prudenta kaj energia kunstreĉo de ĉiuj fortoj niaj.

En kiaj kondiĉoj sin prezentas por ni la nova batalado? Se oni konsideras la materian staton de la nuntempa mondo, oni devas konfesi, ke tiuj kondiĉoj ne estas tre favoraj. La milito postlasis teruran heredaĵon. Tre malfacila fariĝis la ekonomia vivo en ĉiuj landoj, en kelkaj regas eĉ malsato kaj premanta mizero. Vasta parto de Eŭropo estas agitata per tumultoj, revolucioj, militminacoj. Ĉie la vivbatalo fariĝis pli akra, pli kruda ol iam, kaj por multaj homoj estas tia, ke oni apenaŭ kuraĝas peti, ke parto de ilia malmulta libera tempo estu dediĉata al senprofita idea afero kiel Esperanto.

Kaj tamen!... El la historio ni scias, ke gravaj ideaj progresoj ofte naskiĝis dum periodoj de malpacoj kaj de materia neprospereco. Malkontenta pri sia sorto kaj laca de la akra batalo por la pano, la homo direktas sian penson pli alten kaj volonte sin okupas pri io, kio forigas lin almenaŭ momente de liaj ĉiutagaj zorgoj. La spiritaj progresoj ŝajnas postuli certan limigon de la materia komforto, en kiu la penso tro ofte fariĝas maldiligenta. El la malfacileco de la ekonomiaj kondiĉoj ni do ne devas konkludi la malfacilecon de nia agado, kiu antaŭ ĉio estas idea, spirita. La mondo nun eknaskas novan ordon, sed ĝia formo klare aperos nur post multaj skuoj kaj disputoj. Ne sole sur la politika kampo prepariĝas gravaj ŝanĝoj, sed ankaŭ en sociala, idea, eduka rilato novaj tendencoj, novaj komprenoj manifestiĝas kaj traboras sian vojon. Estas ĉie intensa serĉado de pli oportunaj vivformoj. Esperanto apartenas al tiuj novaj tendencoj. Ĝi estas unu el tiuj sin reciproke kompletigantaj ideoj, de kies sukceso dependas la stariĝo de pli harmonia homaro. Ligo de la nacioj, nacia memdestino, sociala demokratio, reformo de l' edukado, internacia lingvo, jen parencaj movadoj, kiuj pli kaj pli sin trudos al la publika atento, malgraŭ ĉiuj ekonomiaj priokupoj.

Sed la plej favora grundo restas senprodukta, se la semantoj estas mallertaj aŭ nelaboremaj. La nuntempa movado de la ideoj ŝajnas ja faciligi la klopodojn de la batalantoj por internacia lingvo; tamen la fina sukceso dependas ne sole de tio, sed ankaŭ de *ni mem*. Al nenio utilus la preteco de la publiko tiom longe kiom la ekzistanta Esperantistaro restus neagema aŭ baraktus en internaj malfacilaĵoj, tiom longe kiom ĝia nedubebla bonvolo kaj fervoro estus senefikigataj de malbonaj labormetodoj aŭ de neĝustaj tradicioj.

Estas do necese, ke ĉe la sojlo de nova epoko ni ekzamenu, ĉu ni staras sur la ĝusta vojo kaj, se jes, kiel ni devas organizi nian agadon por atingi plej rapide la alcelatan sukceson. Riĉan sperton ni havas el la antaŭmilita agado. Ni sciu ĝin utiligi, evitante ripeti la erarojn, de kiuj ni suferis, kaj penante senĉese plibonigi niajn labormetodojn. Neniu trafe agas, kiu ne klare vidas.

* *
*

La unua demando, kiu sin prezentas al nia esploremo, koncernas la lingvon mem. Ĉu la solvo de la internacilingva problemo, por kiu ni batalas, estas bona, praktika, kaj havas ŝancon esti akceptata de la pli vasta publiko? Aŭ ĉu ekzistas alia solvo, kiu permesus al ni pli rapide atingi la venkon?

Por respondi al tiu demando, oni devas sin liberigi de mallarĝe Esperantista pensmaniero. Fideleco al la Fundamento, amo al nia Majstro, nia kara lingvo, jen estas kortuŝaj formuloj, kiuj havas signifon por la Esperantistoj, sed lasas indiferenta la eksteran konkerotan publikon. Estas nekontesteble, ke la venko ne povas dependi de kelkaj negravaj lingvaj punktoj, ĉar la problemo de lingvo internacia estas pli socia ol lingva, sed oni ne povas nei, ke sistemo okulvideble supera al Esperanto fine sukcesus trabori sian vojon, eĉ se momente estas pli granda forto ĉe nia flanko.

Multaj estas la sistemoj de lingvo internacia, sed post Volapük, kiu malsukcesis, nur unu estas praktike elprovita kaj diverse uzita dum longa tempo: Esperanto. Flanke de ĝi kaj parte bazata sur ĝi, ekzistas nur unu sistemo sufiĉe ellaborita, sed ĝis nun tre malmulte praktikita: Ido. Por kompari ambaŭ formojn oni devas juĝi, ne laŭ teoriaj gramatikoj, sed laŭ tekstoj kaj laŭ la parola uzado. Pri tiu ĉi lasta, estas malfacile fari komparon, pro bona kaŭzo... Ni nur scias, el multaj kunvenoj kaj kongresoj, ke Esperanto estas facile parolebla kaj tre belsona lingvo, kun propra karaktero. Komparante tekstojn, ne nur supraĵe, sed analize, oni konvinkiĝas, ke Ido ne superas Esperanton laŭ precizeco, klareco kaj riĉeco. Al latinlingvaj personoj Ido ŝajnas unuavide pli facila ol Esperanto pro la manko de akuzativa formo kaj precipe pro la granda nombro de latinaj radikvortoj. Ĉar multaj juĝas laŭ unua vido, tio klarigas, kial ekzistas personoj, kiuj opinias Idon pli bona ol Esperanto. Sed tiel multflanka demando ne povas esti solvata per supraĵa rigardado de tekstoj. Oni devas analizi ilin kaj konsideri la diversajn eblajn uzojn de la lingvo. La fundamenta diferenco inter Esperanto kaj Ido konsistas en tio, ke la unua posedas akuzativan formon kaj akordigas la adjektivon kun la substantivo. Dank' al tio Esperanto havas pli flekseblan, pli liberan, pli elegantan stilon, kiu adaptiĝas al ĉiuj bezonoj de la penso. En Ido la frazo estas rigida, unutona kaj ofte konfuza, almenaŭ por nelatinidoj. Al tio oni respondas, ke la akuzativo estas malfacila por multaj popoloj. Sed tiu malfacilaĵo estas negranda, kompare kun la avantaĝoj, kiujn prezentas tiu formo, permesante liberan vortordon. Plie, kiam Esperanto estos instruata en la lernejoj oni konstatos, ke la ekzisto de l' akuzativo estas utila el pedagogia vidpunkto, ĉar ĝi helpas al la infanoj por la gramatika analizo de ilia propra lingvo.

Oni eble diros, ke la fleksebleco de la stilo ne estas nepre necesa por multaj tekstoj. Se oni limigas la uzon de la internacia lingvo al komercaj, teknikaj aŭ sciencaj rilatoj, stilaj kvalitoj ne estas necesaj. Ni ne opinias, ke oni povas kaj devas trudi al lingvo internacia limojn al ĝia estonta uzebleco. Tiu lingvo, kiu vivos tiom longe kiom ekzistos homara civilizeco, devas servi por ĉio, do ankaŭ por la literaturo kaj la poezio. Neniu povas nei, ke Esperanto, pro sia fleksebleco kaj pro sia adaptebleco al la diverspopolaj pensmanieroj, superas Idon en verkoj literaturaj kaj precipe poeziaj. Tiel belaj kaj fidelaj tradukoj de literaturaj ĉefverkoj, kiel Eneido, Hamleto, Ifigenio, ne povus ekzisti en Ido, kiu, flanke de nesufiĉe preciza gramatiko, posedas rigidan k j geometrian derivsistemon, komplikan kaj nenaturan, ne pli logikan ol la Esperanta kaj kontraŭan al la kutimoj de la naciaj lingvoj, el kio rezultas stilo peza, sen la avantaĝo rilate la precizecon. Oni sentas, ke la aŭtoroj de Ido ne prilaboris sian lingvon per tekstoj, kiel Zamenhof, sed agis precipe kun izolaj vortoj kaj frazeroj.

Fine oni devas konstati, ke Ido tro rapide plimultigis la nombron de la radikoj kaj, ilin elektante, sin bazis tro ekskluzive sur la latina pensmaniero. Ĝia vortaro enhavas multe da senutilaj radikoj, kiuj diferencas apenaŭ laŭ nuanceto, kaj ĝi multe malpli ol Esperanto uzas la oportunan kunmetadon de la ekzistantaj elementoj por formi novajn vortojn. Tial oni malpli rapide povas korekte skribi Idon ol Esperanton, precipe se oni ne konas latinidan lingvon.

Tamen, ni ne opinias, ke ĉiuj novaĵoj enkondukitaj de Ido en la vortaro estas kondamnindaj. Se Ido estas tro riĉa je radikoj, ni

laŭsperte konvinkiĝis, ke Esperanto estas iom tro malriĉa. Kiam oni tradukas modernajn tekstojn, precipe kun teknika karaktero, oni konstatas, ke al Esperanto mankas radikvortoj, ĉar la ekzistantaj kunmetaĵoj ofte ne sufiĉas por precize esprimi ideon. En tiu rilato oni devas progresi kaj por la necesa pliriĉigado de nia vortaro agi kun pli bonaj metodoj ol antaŭe. Ni ekzamenos, kiel oni povas plenumi tiun taskon, ne kaŭzante rompon aŭ malordon.

Koncerne la lingvan problemon oni do povas diri, ke Esperanto superas Idon rilate gravaĵojn, kaj Ido Esperanton rilate malgravaĵojn. Tio estas fundamenta diferenco. La demando pri lingvo internacia ne estas pure lingva, sed socia. Tamen, eĉ se oni konsideras ĝin el ekskluzive lingva vidpunkto, Esperanto post detala komparo ne aperas supera al Ido.

Restas la demando, ke eble la registaroj ne opinios kiel ni, kaj preferos alian formon ol Esperanton. Al tio ni respondas, ke kiam internacia aŭtoritato, havanta la povon trudi siajn decidojn, akceptos alian lingvan formon, ni volonte aliĝos al ĝi, sed ke ĝis tiam estus tre malsaĝe ŝanĝi la fundamenton de lingvo, kiun la eksperimentado montris taŭga kaj dank' al kiu miloj da homoj jam povis facile kaj plezure interrilati.

*(Daŭrigota.)* H. Hodler.

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20ª*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

*Donawitz:* S-ro R. v. Lidl gvidas kurson. — *Leoben:* Kurso estas aranĝita de S-ro R. v. Lidl, Del. — *Wien.* La societo „Danubio" vigle propagandas. S-ro Ĉech gvidas kurson kun 20 p. La 1 januaro okazis granda novjara amuzvespero, ĉe kiu ĉeestis pli ol 150 p.; la festo estis tre sukcesa. La societo faris memorskribon al la German-Aŭstria Ŝtatoficejo pri instruado por la enkonduko de Esp. en la lernejoj, la fondo de Esp. hejmo en la horloĝmuzeo kaj la starigo de Esp. informejoj en aliaj urboj de German-Aŭstrio.

## Bohemio.

*Kněževes:* S-ro X. Kučera gvidas kurson. — *Nimburg:* La kluba vivo estas tre vigla. S-ro Silhart gvidis kurson. — *Olomouc:* S-roj prof. Murath, inĝ. Berger kaj Kudela gvidis kursojn. Kelkaj instruistinoj-monaĥinoj flue parolas Esp. — *Praha:* Fondiĝis Rondeto de Esp-istinoj (pli frue „Fraŭlina Rondeto") sub la prezido de F-ino J. Šupichová. En kafejo „Union" oni aranĝis Esp. servon sub gvidado de F-ino Mondrá. Skriba kurso por la junularo en gazeto „Malý Ctenář" havas 160 partoprenantojn.

## Britio.

*Aberdeen:* Zamenhofa Tago estis aranĝata de F-ino Constance M. Ogston kaj S-ro Geo Jarvis, kiuj nun gvidas vesperajn kursojn. Pastro Dawtrey interese paroladis pri D-ro Zamenhof. — *Belfast:* La grupo rememorigis la naskotagon de l' Majstro kaj akceptis Novzelandan samideanon R. T. E. Mc Millan, kiu rakontis pri la progresoj de la movado en Novzelando. — *Bristol:* La grupo kontentige progresas. S-ro Dirac starigis kurson inter la knaboj ĉe la kolegio: 40 aliĝis kaj 100 deziras aliĝi, sed la ĉambro ne sufiĉas. — *Edinburgh:* Koncerto aranĝita de F-ino Wanless bone sukcesis. Okaze de l' datreveno de la naskotago de D-ro Zamenhof, okazis „Memoriga Diservo" aranĝita de S-ro Page. — *Huddersfield:* S-ro F. Clarkson paroladis pri Esp. kaj UEA ĉe la „Workers' Educational Association". — *Kettering:* S-ro J. Applebaum paroladis pri „La lingvo por la Ligo de la Nacioj kaj Esp.". — *London:* Okazis konferenco de la diversaj organizaĵoj por pridiskuti la estontajn laborojn en la regiono. La B. E. A. Literatura kaj Debata Societo daŭre kaj vigle laboras por la plivastigo de nia literaturo. Ĝi decidis eldoni kvaronjaran gazeton „Literaturo", kies unua N-ro baldaŭ aperos. Ĉe la „Wesley Guild" okazis bonega propaganda kunveno, organizita de S-ro Locke. S-ro B. Long tre bone paroladis. Kurso por geinstruistoj estas aranĝata. — *Leeds:* Okazis tre sukcesa jara kunveno de la Federacio de Yorkshire, prezidita de S-ro J. Rhodes; ĉ. 100 p. ĉeestis. La ĉefa afero estis konkurso aranĝita por geknaboj de la Esp. kursoj; gajnis la premion knabo 14-jara kaj knabino 13-jara. La teatraĵeto ludita de infanoj ankaŭ havis bonan sukceson. — *Manchester:* Okazis la ĉiujara ĝenerala kunveno de la grupo kun tre kontentiga raporto.

## Finlando.

Al la instrua fako de la Senato (registaro) estas donita petskribo subskribita de multaj universitataj profesoroj, doktoroj, rektoroj, magistratoj, inĝenieroj, aferistoj, studentoj, proponanta la fondon de Fina Ŝtata Esp. instituto, enkondukon de Esp. en la mezaj lernejoj, en instruistaj seminarioj, en popollernejoj, en blindullernejoj. Fondiĝis „Instruista Esp. Rondo", celanta pretigi la vojon por „Instruista Esp. Societo en Finlando". Aperis multaj gazetaj artikoloj. — *Abo:* Estis kelkaj kursoj dum la milito. — *Borgo:* Kurso en la geknaba lernejo. — *Helsingfors:* S-ro Prof. D-ro G. J. Ramstedt gvidas kurson kun 63 p. „La Polusstelo" rekomencis sian agadon. Estas aranĝota kvina kongreso de Finlandaj Esperantistoj por Pasko 1919. — *Jyväskylä:* Kunstudado inter la lernantoj de popolinstruista seminario. — *Kelvä:* Kurso en la popollernejo. — *Kokkola:* Okazas kurso. — *Laihia:* Kurso kun 40 p. — *Lahti:* Kurso kun 26 p. — *Lapua:* Kurso kun 15 p. Fondiĝis ankaŭ societo. — *Luopioinen:* Kurso en la popollernejo. — *Myllymäki:* Kurso en la popollernejo kun 16 p. Fondiĝis ankaŭ societo. — *Seinäjoki:* La instruistino de Angla lingvo ĉe la geknaba lernejo instruas Esp. al 20 l. — *Tampere:* Kurso kun 50 p. Esp. estas enkondukita en la studplano de popola alt ernejo. — *Vaasa:* Okazas kurso kun 12 p. — *Viborgo:* La societo „La Polusstelo II" reviviĝis. Du kursoj kun 50 p.

## Germanio.

*Aue:* La ĝisnuna filia grupo transformiĝis en Esp. Unuiĝo kun 30 m. — *Augsburg:* Okazis sukcesplena kristnaska festo. S-ro D-ro Anton Vogt parolis pri la rolo de Esp. en la Ligo de la popoloj. — *Berlin:* Okazas bonvizitataj kunvenoj, en kiuj oni priparolas multajn bonajn ideojn por la propagando: pli bona influado al la gazetaro, fiksado de afiŝoj en staci domoj, sur afiŝkolonoj, k. t. p. — *Bromberg:* La urba komitato por lernejaj aferoj decidis instruigi Esp. al geknaboj de superaj klasoj el popollernejoj. La rektoro de la meza lernejo por knabinoj petis doni en sia lernejo Esp. instruon. S-ro Becker gvidas du kursojn, unu por 80 geknaboj kaj alian por 30 knabinoj en la meza lernejo. La gazetoj favore raportis. — *Dresden:* En la „Komerca lernejo" de Anna Huhle kaj Anna Wakczynska estas instruataj pri Esp. 134 junulinoj. — *Göthen:* Komenciĝis konversacia kurso. La grupa estraro estas reelektita. — *Potsdam:* La grupo festis sian dekjaran datrevenon.

## Hispanio.

*Barcelona:* La societo „Paco kaj Amo" decidis peti la urbestraron, ke ĝi donu la nomon Zamenhof al strato. Ĝi donacis Esp. librojn al la blindulejo. — *Terrassa:* S-roj Garrigu kaj Chaler sukcese gvidas kursojn. Festoj estas aranĝitaj okaze de la militfino kaj de la datreveno de Esp.

## Hungario.

*Budapest:* La propaganda komitato de la L. I. bone prosperas. Ĝi jam donis kelkajn petskribojn al la diversaj Hungaraj ministerioj por uzi, akcepti aŭ enkonduki Esp. La alvokoj de la Scienca Universitato kaj Akademio estas tradukitaj kaj dissenditaj ankaŭ en Esp. D-ro A. Giesswein faris bonsukcesan paroladon pri „La nova mondordo kaj mondlingvo" en la Scienca Universitato. S-ro P. Balkányi

paroladis en la popoldomo. S-ro Béla Szász gvidas kurson por fervojaj kaj ŝipaj oficistoj. D-ro Lóránd kaj S-ro Fényes gvidas kursojn en la Scienca Universitato. Kursoj estas aranĝitaj ankaŭ en la Socia Muzeo kaj Komerca Akademio. Dank' al S-roj Molnár Zeisler kaj Károly nove fondiĝis la Hungara Laborista Esp. Societo, kies komunikojn ĉiusemajne publikigas la Hungara laborista gazeto „Népszava" (Voĉo de popolo). La societo arangas kursojn en la laboristaj rondoj. La direkcio de la Socia Muzeo akceptis por internacia korespondo oficiale Esp., same la „Rondo de Nacioj", kies prez. estas D-ro Giesswein. La plej disvastigita jurnalo „Pesti Naplo" enhavis longan artikolon pri Esp. La H. E. A. alvokas la Hungarajn kaj eksterlandajn klubojn kaj samideanojn klopodi, ke oni proponu Esp. por la estonta „Ligo de la Nacioj". — *Pécz:* La teologoj de la episkopa seminario aranĝis kurson partoprenatan de preskaŭ ĉiuj teologoj. Gimnazianoj ankaŭ fervore lernas Esp. S-ro A. Cseh bone propagandas. — *Szabadka:* La grupo „Libereco" skribis al la Serba nacia senato petante helpi la funkciadon de l' grupo, argumentante, ke la kauzo de la konfliktoj devenas preskaŭ ĉiam de la lingva diferenco. Dum la enloĝiĝo de la Serboj la jurnalo „Délvidék" per aŭŝoj publikigis la novaĵon en Hungara, Esp. kaj Franca lingvoj. — *Szeged:* La samideanoj fervore laboras inter la laborista, komercista kaj privat-oficistaj kluboj. — *Vacz.* S-ro Rafaelo Bartal fondis societon. La lokaj gazetoj favore raportas.

## Islando.

En la gazeto „Logretta" aperis longa artikolo de S-ro S. Kristófer Petersson; estas la unua artikolo favora, kiu estas publikigita en Islandaj gazetoj.

## Italio.

Tuj kiam la presejo en S. Vita Tagliamento (okupita loko) estos rearanĝita, la Itala Esp. gazeto „L' Esperanto" reaperos. — *Firenze:* Malfermiĝis kurso ĉe la Popola Universitato; gvidas ĝin S-ro Scarselli.

## Svedio.

*Gefle:* Okazas nun 5 kursoj kun 150 p., el kiuj 100 infanoj el la popollernejoj. — *Örnsköldsvik:* La klubo, fondita en julio 1918, jam havas pli ol 100 m. — *Stockholm:* Ĉe la grupo oni diskutis pri la enketo de UEA. La gruparo aranĝis sukcesan vesperfeston.

## Svisio.

*Bellinzona:* Grupo fondiĝis; oni komencis kurson kun 25 p. — *Bern:* Artikolo pri Esp. de S-ro A. Omlor aperis en la „Deutsche Internierten-Zeitung". — *Genève:* S-ro Edm. Privat faris interesan paroladon ĉe la Geografia Societo, atentigante precipe pri la grava signifo de Esp. por la orientaj popoloj. — *Locarno:* La grupo malfermos Esp. hejmon. Estos aranĝata festo kun parolado de nacia konsilanto Bertoni.

## Portugala Okcidenta Afriko.

*Loanda.* S-ro Virgilio tradukis multajn artikolojn el „Esperanto" por la gazetoj de tiu ĉi kolonio. Ĉiuj korespondajoj por la grupo estu sendataj al S-ro J. Ricon y Peres, Cx. Postal 48. Loanda (Angola).

## Aŭstralio.

*Melbourne:* Okazis konferenco de Australiaj Esp-istoj kun festo aranĝita de la agema prez. de la Melburna Esp. Societo, S-ro J. G. Pyke. Estis ludata dramo verkita de li, kaj oni diskutis multajn proponojn por disvastigi la lingvon en Aŭstralio, precipe inter komercaj rondoj kaj lernejoj. Formiĝis Aŭstralia Esp. Asocio, celanta plenumi la proponojn kaj kunligi la disigitajn Esp-istojn en Aŭstralio.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la lernejoj.** — En *Aŭstrio*, ĉe la sesa kunsido de la landkunveno en Salzburg, la konsilanto Haagn raportis pri la propono rilate al la organizo de Esp. instruado en la lernejoj; oni akceptis la proponon por pritraktado kaj decidis komisii la landlernejan konsilantaron kaj la komerclernejestraron priĵuĝi la proponon. La Esp-istoj en Innsbruck kaj Wien faras la samajn klopodojn.

En *Bohemio* kaj *Hungario* ankaŭ estas farataj klopodoj ĉe la registaro por la enkonduko de nia lingvo en la lernejoj.

En *Finlando* estis prezentata al la instrua fako de la registaro petskribo subskribita de multaj eminentaj nomoj, proponanta la fondon de ŝtata Esp. instituto kaj la enkondukon de Esp. en la lernejoj. Nia lingvo jam en kelkaj lokoj estas instruata en la popollernejoj (vidu Kronikon).

En *Germanio*, oni instruas Esp. en la mezaj lernejoj de Bromberg kaj en du komercaj lernejoj de Dresden.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — *Britio:* La C. C. L. C. (Komitato por komuna komerca lingvo) daŭrigas vigle agadi por la enkonduko de Esp. en la komercajn rondojn. Dum la ĵus pasinta jaro la propagando estis efika. La paroladoj alportis multajn varbitojn al nia afero. Pli ol 12,000 komercaj-propagandiloj estas disdonitaj, kaj kelkaj eĉ represiĝis alilande, nome en Japanio kaj Argentino. Kelkaj bonaj artikoloj aperis en gravaj komercaj gazetoj. En novembro, kunveno estis aranĝita de C. C. L. C. je la honoro de la Greka komerca delegitaro, kiu tiam vizitis Brition por plibonigi la komercajn rilatojn inter la du landoj. Ĉi-okaze festeno estis aranĝita en Londono sub la prezido de D-ro J. Pollen, kiu klarigis la celon de la komitato. S-roj A. Barton Kent, John C. Nicholson, Lord Lamington, John Merchant, T. B. Callard, S. R. Marshall paroladis pri la signifo de Esp. por la komerco. S-ro Michalocopoulos, Greka ministro pri terkulturo, konfesis sian aprobon de la C. C. L. C. laboro kaj diris, ke Esperanto devus esti instruata en la lernejoj de ĉiu lando. Alia sukcesa kunveno okazis antaŭ la membroj de la „United Wards Club". La ĉeestantaro konsistis tute el komercistoj kaj tre interesiĝis je la klarigoj de la Esp. propagandistoj.

Sub la aŭspicoj de la C. C. L. C., komerca kurso komencis aperi en „Esperanto Monthly". La kurso, kiu estas kunmetita laŭ nova vidpunkto, celas doni en tri monatoj instruon sufiĉan por ke la lerninto povu uzi la lingvon por praktikaj celoj. La lecionojn sekvos serio de Esp. komercaj leteroj kaj dokumentoj verkitaj de diverslandaj Esp-istoj.

*Japanio:* La grava Japana gazeto „The Japan's Salesman" daŭrigas publikigi en ĉiu N-ro Esp. fakon. En la novembra kajero aperis alvoko al la Japanaj komercistoj, subskribita de D-ro Katsumi Kuroita, profesoro ĉe la Universitato en Tokjo. La adresaro de la fabrikistoj, importistoj kaj eksportistoj, aperanta en tiu ĉi gazeto, havas ankaŭ Esp. tradukon. Ĉiuj Esp-istoj dezirantaj rilati kun Japanaj komercistoj sin turnu al: „The Japan's Salesman", 51, Yamashitacho, Yokohama.

---

# TRA LA GAZETARO

∴ *„Amerika Esperantisto"* (oktobro). Al la tutmonda Esperantistaro! kie konstatiĝas, ke la oficejo de la „Ligo por certigi pacon" ricevis aprobajn leterojn de Esp-istoj el multaj landoj. — La ligo de nacioj kaj Esperanto (Angle) de W. M. Page. — Esperanto kaj idealoj (Angle) de A. E. Lunt, k. t. p.

∴ *„British Esperantist"* (januaro). Pli feliĉan jaron! — Kroniko. — Alvoko al amikoj! de P. Blaise, kie rememorigante la utilajn servojn de UEA, la aŭtoro instigas pri helpo labora kaj mona. — Komitato por Komuna Komerca Lingvo, de S. R. Marshall. — Ne-

krologo pri Albert G Farley. — Libraro kaj gazetaro. — La harpo trovita, poeziaĵo de G. L. Browne.

.˙. *„Esperanto Monthly“* (decembro). Zamenhof-Tago. — Surŝipaj interparoladoj kun la Majstro, de R. Sharpe. — Niĉevo. — Neĝblankulino kaj la Sep Viretoj, originala teatraĵeto por la infanoj, de Louise Briggs, k. t. p.

.˙. *„Esperanta Finnlando“* (septembro ĝis decembro). La decembra N-ro enhavas rakontojn, poeziaĵojn, kronikon, alvokon pri la kvina kongreso de Finnaj Esp-istoj, k. t. p.

.˙. *„Germana Esperantisto“* (januaro). Eldono A.: Al niaj legantoj! — Io pri propagando, de D-ro Seeberger. — Esp. kaj la Ligo de la Nacioj. Kroniko, k. t. p. Eldono B.: La festo de Kristnasko, de Inkoŝmir, diversaj literaturaĵoj kaj poeziaĵoj, bibliografio, lingvaj demandoj (kontraŭ la afiksoj oz- kaj mis-).

.˙. *„Hungara Esperantisto“* (decembro). Zamenhof, bela memorartikoleto kun portreto. — Hungarlingva artikolo pri L. l. — Esp. kiel Jesueto, de Julio Rakusz. — Kroniko. — En 2118 (sekvo de romano).

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„Internacia Bulteno“* (decembro) — *„Nederland-Esperanto“* (N-roj 10 — 13). — *„Nederlanda Katoliko“* (novembro-decembro). *„Svisa Espero“* (hektografita bulteno de S. E. S., decembro).

Nova gazeto:

.˙. *„Blanka Kruco“*, unuiĝa organo por la katolikaj Esperantistoj; aperas malregule. 15 × 23 cm, 4 p. Eldonejo kaj administrejo: Graz, Volksheilzentrale. Abono: provizore Fr. 1.

La 1a N-ro enhavas: Kora peto! (dulingve). — Elparolo de Esp. (Germane). — Alvoko (dulingve). — La almozo de artisto (dulingve).

La gazeto celas propagandi Esp. meze de la katolikoj kiel internacian konsentilon, agi vive por Kristo, papo kaj eklezio, subteni la intencojn de la „Blanka Kruco“ pri sociala kaj spirita renovigo de l' homaro k. t. p.

## TRA LA LIBRARO

**„A Common commercial language.“** An adress by Mr. *A. Barton Kent.* N-ro 99 (el la oficialaj broŝuroj de la) London Chamber of Commerce (Havebla ĉe) S-ro Marshall, Ludgate Circus. Th. Cook & Son. 21,5 × 13,5 cm, 16 p. Prezo: 3 d.

Krom per sia bona enhavo, tiu propaganda parolado estas interesa pro tio, ke ĝi estas farita la 31 majo 1918 en la Londona Komerca Ĉambro kaj nun aperas kiel oficiala eldonaĵo de tiu grava societo. Ni notas el la enhavo, ke en la Ford'a fabrikejo de aŭtomobiloj en Detroit (Usono) la indikoj por la laboristoj estas presitaj en ok lingvoj, kaj en granda fabrikejo de municioj de la sama lando eĉ en dek-kvin! Komerca utilo de Esperanto: S-ro Guéritte, post mallonga studado de Esp., verkis artikolon pri fera betono. Legita de Ruso, tiu artikolo havigis al lia firmo mendon de ducentmil Fr. La fabrikejo de poluroj, John Adams en Sheffield, skribas: „Ni havas tutmondajn rilatojn, kaj dum la pasintaj 15 jaroj ni ofte havis okazon uzi Esp. por la korespondado kun fremdlandaj klientoj. Ĉiam ni spertis, ke tiu lingvo estas en ĉiuj rilatoj samranga al la naciaj lingvoj. Fakte, post la Angla lingvo, ni multe preferas uzi Esperanton ol iun nacian lingvon, ĉar per ĝi la ebleco de miskomprenoj estas plene forigata“. Antaŭ la militkomenco pastro de la ortodoksa eklezio en orienta Siberio informiĝis per longa Esp. letero al Anglo pri la aĉeto de kinematografaj aparatoj, kiujn Siberia eduka societo intencis funkciigi en la vilaĝoj. — Kio sole ne plaĉas al ni estas la prijuĝo de UEA kiel „strictly utilitarian body“. Ni deziras esti utilaj, sed ne ĉesos atentigi, ke pli gravaj, kvankam ne cifere pruveblaj kiel la servoj, estas al ni la idealaj celoj: plifaciligi la moralajn rilatojn, krei fortikan ligilon de solidareco inter la homoj kaj disvastigi Esperanton. — *St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k. a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto“ luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizaĵoj nur 7.50 Fr kun la gazeto). — La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisio).*

**Decidoj de la Komitato de UEA.** La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj dum decembro 1918, alprenis jenajn decidojn:

1e La Komitato aprobas kun danko la administradon de la Asocio, sed konstatas kun bedaŭro la gravan financan deficiton de la jaro, kaŭzitan de kurzperdoj kaj ĉefe de la nesufiĉa nombro de kotizaĵoj. Ĝi konvinkiĝis, ke la Centra Oficejo laboris tiel ŝpareme kiel estis eble, ne endanĝerigante ĝian funkciadon.

2e La Komitato dankas al la Garantiantoj, Subtenantoj kaj Membroj, kiuj per sia fideleco dum la militaj jaroj ebligis la ekziston de UEA kaj tiel protektis la internacian Esperantistan movadon kontraŭ disfalo.

3e La Komitato petas la Centran Oficejon laŭeble reelektigi Delegitojn, starigi la servojn, prepari jarlibron por 1920 kaj aliajn laborojn, konforme al la agadplano de UEA kaj al la deziresprimoj de la naciaj societoj.

4e La elekto de nova Komitato okazu kiam sufiĉa nombro de Delegitoj kaj la politikaj cirkonstancoj ĝin permesos. Ĝis tiam la nuna Komitato daŭrigos decidi ĉion necesan al la funkciado de la Asocio.

5e La Komitato esprimas siajn kondolencojn al ĉiuj samideanoj, kiuj priploras parencon aŭ amikon falintan dum la interpopola mortigo. Ĝi esperas, ke el tiu dolorego la Esperantistoj lernos, kia malfeliĉo elkreskas el internacia malamo; ĝi solene alvokas ilin kolektiĝi sub la verda standardo por rekonstruo de mondo pli bona kaj promesas, ke UEA ne laciĝos laborante por tiu celo.

*Pri la elekto de la Delegitoj*

La Komitato decidas, ke la elekto de la Delegitoj okazu laŭ la jenaj principoj:

1e La Delegito bone konu Esperanton kaj la staton de nia movado. Personoj akirintaj diplomojn aŭ atestojn aŭ havantaj lingvajn konojn al ĝi respondantajn estu preferataj.

2e Laŭeble oni elektu personon, kiu estas enlandano, daŭre loĝas en sia regiono kaj, sub la kutima rezervo de gravaj malhelpoj, promesas okupi sian oficon dum tri sinsekvaj jaroj.

3e La Delegito abonu kaj regule legu la oficialan gazeton de UEA.

Tiuj principoj estas starigataj por alceli, okaze de la novaj elektoj, pli grandan stabilecon en nia Delegitaro ol antaŭe. La multaj person- aŭ adresŝanĝoj malfaciligas la interrilatojn, kaŭzas laboron por kontrolo kaj korespondado, kaj kostas monon en formo de novaj presaĵoj. La publikigo de la administraj informoj en la gazeto „Esperanto“ necesigas, ke la Delegito regule legu ĝin. Plie li ne povas bone plenumi sian oficon, se li ne estas ĝuste informata pri la agado de UEA kaj la stato de la Esperantista movado.

**Jarlibro de UEA.** — Multaj personoj esprimis la deziron, ke nova eldono de la Jarlibro de UEA aperu kiel eble plej baldaŭ. Kompleta Jarlibro ne povos aperi antaŭ la jaro 1920 tiam, kiam la armeoj estos esperebIe malmobilizitaj kaj regulaj komunikoj estos restarigitaj. Tamen, por ebligi kiel eble plej baldaŭ refunkciadon de la servoj de UEA, eĉ en la nun ankoraŭ nefavoraj cirkonstancoj, ni decidis presigi dum printempo *Adresaron de la Delegitoj*, kiu

enhavos la nomojn kaj adresojn de la Delegitoj formale akceptintaj agadi por nia Asocio dum la postmilita periodo. Tiu Adresaro, kiu do servos kiel provizora Jarlibro, estos senpage sendata al la membroj pagintaj la kotizajon por 1919. Post kelka tempo niaj ĝisnunaj Delegitoj ricevos demandaron por la preparo de la nomita Adresaro.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 2375 |
| 20. A. Tuke Priestman, Bradford | 125 |
| 21. Peter Schacht, Zürich | 125 |
| Frankoj | 2625 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (Svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), (Nationalbank-konto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 31 decembro estis enkasigitaj 307 kotizajoj (el kiuj 31 subtenantoj). Krom tio estas 169 dumvivaj membroj. Sume: 476. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 7.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

Ricevitaj: 599. — Forsenditaj: 1398. — Tuta sumo: 1997. (Antaŭa monato: 861.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizajon da 5 Frankoj.

*Dua listo:*

10. E. Schauenberg (Veltheim, Svisio). — 11. E. Müller (Zürich). — 12. P. Blaise (London). — 13. S-ino P. Blaise (London). — 14. E. Johnson (Portsmouth). — 15. J. Menschick (Regensburg). — 16. O. Kunz (Thun, Svisio). — 17. W. Carpenter (Escondido, Usono). — 18. G. Ferree (Urbana, Usono). — 19. V. Smith (Cromer, Anglio). — 20. I. Wright (Manchester). — 21. R. Scott (Nashville, Usono). — 22. S-ino T. Sujadinof (Shaftesbury, Anglio). — 23. S. Hole (Fredrikstad, Norvegio). — 24. E. Scheurer (Lyss, Svisio). — 25. A. de Vries (Bergen-op-Zoom, Nederlando). — 26. V. Bonde (Falun, Svedio). — 27. W. Bailey (Manchester). — 28. J. Pfanner (Genève). — 29. A. Peck (Thornton Heath, Anglio). — 30. S-ino E. Bünemann (Bergedorf, Germanio). — 31. T. Whyte (Portobello, Skotlando).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:
*Černy Kostelec* (Bohemio). — D.: S-ro Boh. Ludvik, instruisto.
*Falun* (Svedio, Dalarne). — D.: S-ro V. Bonde, bindisto, Stenslund.
*Fredriksstad* (Norvegio). — D.: S-ro Sigurd Hole, poŝtoficisto.
*Opava* (Bohemio). — D.: S-ro Alois Zednik, bankoficisto.
*Zbraslavice* (Bohemio). — D.: S-ro Henry Kneifl.

Ŝanĝoj:
*Basel* (Svisio). — D.: S-ro P. A. Burgermeister, kasisto, Kannenfeldstr. 19.
*Innsbruck* (Tirolo). — D.: S-ro Leo Blaas, juĝisto, Gutenbergstr. 3.
*Kristiania* (Norvegio). — VD.: F-ino J. Amundsen, instruistino, Oskars Gate 1. C. v.
*Merthyr-Tydvil* (Britio, Kimrio). — D.: S-ro Lewis Evans, Ffynnon Rosser, Vaynor.
*Shanghai* (Ĉinio). — D.: S-ro Lu-Ŝi-Ĉin, komizo, 5, Peking Road.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:
*Clermont-Ferrand* (Francio). — *Dowlais* (Britio). — *Elbing* (Germanio). — *Jičin* (Bohemio). — *Krivoklat* (Bohemio). — *Moulins* (Francio). — *Oswiecim* (Bohemio). — *Pardubice* (Bohemio). — *Poitiers* (Francio).

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Bruno Rifling,** el Bekkelagshoiden (Norvegio), prezidanto de la Norvega Esperantista Ligo, garantianto de UEA. En S-ro Bruno Rifling la Norvegaj Esp-istoj perdis unu el siaj plej lertaj kaj rimarkindaj propagandistoj. Kun neniam forlasata entuziasmo kaj kun neŝancelebla kredo al la sukceso de Esperanto, li oferis al ĝi ĉiun minuton, kiun liaj universitataj studoj lasis al li. Per artikoloj kaj paroladoj li provis veki la saman entuziasmon ĉe aliaj. Li estis ekstreme ăgema kaj senĉese pensis pri tio, kio povus helpi la progresadon de nia afero. Krom multaj gazetartikoloj li ankaŭ verkis Esp. lernolibron por Norvegoj. S-ro Bruno Rifling estis unu el tiuj junaj fortoj, kiuj estus povintaj multe servi al nia afero en la postmilita periodo. Tial lia morto signifas por Esperanto gravan perdon.

Ĉe la enteriga ceremonio ĉeestis la Esp-istoj el Kristiania; Esp. psalmo estis kantata de S-ino Gjerstrom. Laŭ deziro de la mortinto, la ĉerko estis kovrata de Esp. flago, sur kiu kuŝis kronoj de la Norvegaj Esp. organizaĵoj.

**Josef Benning,** el la grupo de Bochum (Germanio).

**Camuffo,** patro de nia fervora samideano Armando Camuffo, nun en Trieste.

**Henri Dubois,** filo de S-ro Dubois, prez. de la grupo „Stelo" en Ĝenevo. Li estis fervora kaj malnova Esp-isto, kiu antaŭ kelkaj jaroj vigle propagandis.

**Henri Dyer,** honora prez. de la Glasgova Esp. Societo.

**Ludvik Ekström,** Esp-isto de Boras (Svedio).

**Doktoro Fromageot,** malnova, klera kaj tre fervora samideano el Beaune (Francio), ludis gravan rolon en la Burgonja Esp. movado.

**Harry Goddard,** hon. sekretario de la grupo en Horwich (Britio), lerta kaj tre agema.

**Marie Hommel,** el Dresden, fervora samideanino kaj diligenta tradukistino en Esp.

**Albert Issaly,** Del. de UEA en Poitiers (Francio), mortis ĉe la milito.

**Oskar Landin,** fervora membro de la Esp. klubo en Örnsköldsvik (Svedio), kies prez. li estis.

**Emil Momber,** el Honnef ĉe Rejno (Germanio), fervora kaj lerta samideano.

**Pierre Mossmann,** licea profesoro, Del. de UEA kaj prez. de la Esp. Grupo en Vesoul (Francio).

**André Rouveret,** Del. de UEA en Bagard (Gard, Francio), pereis sur torpedita ŝipo.

**Smales,** Angla militkaptito, unu el la plej entuziasmaj membroj de la York'a Grupo (Britio).

**Verderber,** el Wien, sekretario de la Wiena Esp. Unuiĝo.

# Lingvaj Studoj

## Pri la geografiaj nomoj

II.

Ni publikigas ĉi-sube liston de la ĉefaj landnomoj, laŭ la sistemo, kiun ni klarigis en la decembra N-ro. Nia gazeto de nun konformiĝos al tiu listo, almenaŭ ĝis aŭtoritata lingva institucio adoptos alian, kaj ni esperas, ke post kelktempa nia provo, la ceteraj gazetoj sekvos nian ekzemplon, tiel ke baldaŭ estu atingita la necesa unueco pri tiu punkto.

*Eŭropo*

| | | |
|---|---|---|
| Albanio | Francio | Nederlando (-ano) |
| Anglio | Germanio | Norvegio |
| Aŭstrio | Grekio | Polio |
| Belgio | Hispanio | Portugalio |
| Bohemio[1] | Hungario | Rumanio |
| Britio[2] | Italio | Rusio |
| Bulgario | Jugoslavio[4] | Svedio |
| Danio | Katalunio | Svisio |
| Estonio | Letonio | Turkio |
| Fin(n)lando[3] | Litovio | Ukrajnio |

*Azio*

| | | |
|---|---|---|
| Afganio | Hindio | Palestino (-ano) |
| Anamo (-ano) | Indoĉinio | Persio |
| Arabio | Japanio | Siamo (-ano) |
| Armenio | Kamboĝo (-ano) | Siberio[5] (-ano) |
| Beluĉio | Kaŭkazio[5] | Sirio[5] (-ano) |
| Ĉinio | Koŝinĉinio | Tonkino (-ano) |
| Filipinoj (-ano) | Manĉurio | |
| Gruzio (=Georgio) | Mongolio | |

*Afriko*

| | | |
|---|---|---|
| Abisenio | Kongio[7] (-ano) | Senegalio[7] (-ano) |
| Alĝerio[6] (-ano) | Liberio[6] (-ano) | Sudano (-ano) |
| Egiptio | Libio[6] (-ano) | Sud-Afriko (-ano) |
| Gvineo (-ano) | Maroko (-ano) | Tunizio[6] (-ano) |
| Kameruno (-ano) | Nigerio[7] (-ano) | |

*Ameriko*

| | | |
|---|---|---|
| Argentino (-ano) | Honduraso (-ano) | Paragvajo (-ano) |
| Bolivio[6] (-ano) | Kanado (-ano) | Peruo (-ano) |
| Brazilo (-ano) | Kolombio[6] (-ano) | San-Domingo (-ano) |
| Ĉilo[8] (-ano) | Kosta-R ko (-ano) | San-Salvadoro (-ano) |
| Ekvadoro (-ano) | Kubo (-ano) | Urugvajo (-ano) |
| Gvatemalo (-ano) | Meksiko (-ano) | Usono[9] (-ano) |
| Haitio[6] (-ano) | Nikaragvo (-ano) | Venezuelo (-ano) |

*Oceanio*

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio[6] (-ano) | Nov-Kaledonio (-ano) | Polinezio[6] (-ano) |
| Nov-Gvineo (-ano) | Nov-Zelando (-ano) | |

* * *

La nomoj de *provincoj* kaj *landpartoj* ne fundamente diferencas de la landnomoj. La samaj procedoj estas do aplikeblaj al ili. Ni ne opinias, ke ĉiuj tiaj nomoj devas esti Esperantigataj. Oni traduku nur tiujn, kiuj, pro sia historia aŭ geografia graveco, jam estas tradukitaj en la diversaj naciaj lingvoj. Ekzemple, ŝajnas al ni senutile Esperantigi la nomojn de la Anglaj graflandoj, de la Francaj departementoj, de la Usonaj ŝtatoj, kiuj havas ĉefe nacian intereson kaj estas ne ofte uzataj de la fremduloj. Sed oni povas traduki la nomojn de la grandaj regionoj de Francio, Germanio, Hispanio, Italio k. t. p.

[1] *Bohemio* povas esti ankaŭ nomata *Ĉeĥoslovakio*. Bohemoj mem decidu, kiun nomon ili preferas.

[2] *Britio* konsistas el *Anglio, Kimrio, Irlando, Skotlando.*

[3] La nomo de la loĝanto estas *Fin(n)o*. Oni lasas la fin'gon *-land'*, ĉar ĝi estas tute internacia. Ŝajnas al ni ne necese konservi la duoblan *n* pro timo de konfuzo kun la ordinara radiko *fin'*

[4] *Jugoslavio* konsistas el *Serbio, Kroatio, Slovenio,* loĝataj de *Serboj, Kroatoj, Slovenoj.*

[5] En *Kaŭkazio, Siberio, Sirio, i* estas parto de la radiko, ne sufikso; do la loĝantojn oni nomu *Kaŭkazianoj, Siberianoj, Sirianoj,* ĉar ne ekzistas gento Kaŭkaza, Sibera kaj Sira.

[6] En *Alĝerio, Liberio, Libio, Tunizio, Bolivio, Haitio, Kolombio, Aŭstralio, Polinezio, i* estas parto de la radiko.

[7] Utile estus distingi la landon je la rivero per la sufikso i. *Kongo, Nigero, Senegalo* estus la nomo de la rivero, *Kongio, Nigerio, Senegalio* la nomo de la lando, *Kongianoj, Nigerianoj, Senegalianoj* la nomo de la loĝantoj.

[8] Hispane, oni nomas la landon *Chile* kaj la loĝanton *Chileno*. Tial la formo *Ĉilo, -ano* ŝajnas preferinda ol *Ĉilio, -ano*.

[9] El la komencaj literoj de la vortoj *„United States of Nord-Amerika"* oni formis *„Usona"*, kiun oni proponis por nomi mallonge la Unuiĝitajn Ŝtatojn de Nord-Ameriko. Laŭ nia scio, tiu esprimo ne sukcesis sin trudi en la lando, por kiu ĝi estas kreita. En Esperanto la sukceso estis pli granda. El *Usona* oni faris *Usono*, kiu estas ofte uzata. Ĝi estas pli oportuna ol *Unuiĝitaj Ŝtatoj*, kaj *Usonano* estas pli preciza ol *Amerikano* aŭ *Nord-Amerikano*.

kiuj ludis gravan historian rolon, eĉ iam estis memstaraj landoj, kaj estas pli-malpli internacie konataj. Por la nomoj, kiuj havas geografian karakteron, oni devenigu la nomon de la loĝanto per almeto de la sufikso *-an*. (Ekz.: *Badeno, Badenano; Galicio, Galiciano; Kastiljo, Kastiljano; Piemonto, Piemontano; Sicilio, Siciliano,* k. t. p.) Por la nomoj, kiuj havas gentan karakteron, oni uzu la sufikson *-i*. (Ekz.: *Bavaro, Bavario; Sakso, Saksio; Kimro, Kimrio; Bretono, Bretonio,* k. t. p.) Sed ĉar plej ofte la gentaj nomoj de provincoj aŭ landpartoj ne plu respondas al nuntempa realaĵo, ŝajnas al ni utile rezervi la gentan radikon al la antikva gento kaj nomi la nunajn loĝantojn per la sufikso *-an*. Ekz.: *Makedono* estus la nomo de la antikva gento, *Makedonio* la nomo de la lando, kies nunaj loĝantoj, kiuj ja apartenas al malsamaj gentoj, estus nomataj *Makedonianoj*. Tiel same oni havus: *Burgono, Burgonio, Burgoniano; Dalmato, Dalmatio, Dalmatiano; Iliro, Ilirio, Iliriano; Liguro, Ligurio, Liguriano; Lombardo, Lombardio, Lombardiano; Normando, Normandio, Normandiano;* k. t. p.)

El la nomoj de riveroj, maroj, montoj, devas esti Esperantigataj nur tiuj, kiuj estas jam diversmaniere nomataj en la naciaj lingvoj. (Ekz.: *Rejno; Danubo; Vistulo; Adria Maro, Balta Maro, Nigra Maro, Atlanta Oceano; Persa Golfo, Balkana Duoninsulo; Alpoj, Pireneoj, Blanka Monto,* k. t. p.) Por la aliaj nomoj oni konservu la nacian ortografion, montrante, kiam necese, la proksimuman prononcon inter krampoj. Ekz.: Loire (Lŭar).

* * *

El la nomoj de la urboj oni kutime Esperantigas tiujn de la ĉefurboj, de la lokoj historie gravaj kaj de la urboj malsame nomataj en la naciaj lingvoj. Kelkaj personoj opinias, ke estus preferinde lasi ĉiujn urbajn nomojn en ilia nacia ortografio. Tio estus konsilinda, se oni bezonus nur la nomon en ĝia substantiva formo, sed tre ofte oni bezonas ankaŭ la adjektivon kaj aliajn derivaĵojn. Por tiuj formoj estas pli oportune, ke ekzistu Esperanta radiko facile prononcebla kaj al kiu povas esti algluataj la Esperantaj finaĵoj kaj sufiksoj. Ekz.: *Pariza* kaj *Parizano* estas pli oportunaj ol estus *Paris'a* kaj *Paris'ano, Varsovia* kaj *Varsoviano* pli ol *Varszava'a* kaj *Varszava'ano, Bruselo* kaj *Bruselano* pli ol *Bruxelles'a* kaj *Bruxelles'ano*. Komprenoble oni Esperantigu nur la urbnomojn, kiuj estas sufiĉe uzataj eksterlande kaj iel havas jam internacian karakteron. Krom tiuj lokoj la Esperantistoj kutimas traduki la nomojn de la urboj, kiuj por ili havas historian signifon, t. e. la lokoj de la kongresoj. (Ekz.: *Bulonjo, Kembriĝo, Krakovo,* k. t. p.) Tio montras, ke tuj kiam oni bezonas ofte uzi urbnomon, oni estas ema doni al ĝi Esperantan formon.

La Esperantigado de la urbnomoj ne prezentas gravajn malfacilaĵojn. Estas rekomendinde elekti formon, kiu estas la plej proksima al la nacia vorto. (Ekz.: *Berlino, Londono, Milano, Moskvo,* k. t. p.) Sed oni ankaŭ devas atenti la internaciecon kaj la facilan prononceblecon. Okazas tial, ke iafoje la Esperanta nomo estas pli proksima al la alilingvaj tradukoj ol al la enlanda nomo. Ekz.: *Kopenhago* estas pli internacie komprenebla ol estus *Kjobenhavno* (Dane: *Kjöbenhavn*), *Hago* pli ol *'s-Gravenhago* (Holande: *'s-Gravenhage*), *Varsovio* pli ol *Varŝavo* (Pole: *Varszava*).

Se oni lasas urbnomon nacilingve, oni atentu doni al ĝi la enlandan formon, ne ties tradukon en iu nacia lingvo. Ekz. oni diru *Zagreb*, ne *Agram*; *Lwów*, ne *Lemberg* aŭ *Leopold*; *Regensburg* ne *Ratisbonne*; *Genova*, ne *Genua* aŭ *Gênes*; *Torino*, ne *Turin*, k. t. p. Sed, ĉar ofte la enlanda nomo estas malmulte konata eksterlande, estas rekomendinde ĉe alfabetaj listoj ankaŭ indiki la alilingvajn tradukojn, kiel oni faras en la Jarlibro de UEA. Ekz.: *Agram* (vidu *Zagreb*), *Lemberg* (vidu *Lwów*).

Estus tre dezirinde, ke kiam niaj lingvaj institucioj estos reorganizitaj, komisiono prilaboru kaj publikigu oficialan liston de la Esperantigitaj geografiaj nomoj, kiu poste aperus kiel aldono al la diversnaciaj Esperantaj vortaroj, ĝis nun tute nesufiĉaj rilate al tiu demando.

*H. H.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enpreso: Fr. .50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. Dek du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

**Aarhus** (Danio). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Del. de UEA, Tröjborgvej 32, PM (ne sendas unue).

**Budapest** (Hungario). — S-ro Miĥael Vági, IX, Tüzoltó utcza 15 sz. 5 ajtó, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

**Fredriksstad** (Norvegio). — S-ro Sig Hole, L, Pl, PM (kun ĉiuj landoj).

**Gefle** (Svedio). — S-ro Eric Lindqvist, S. Esplanadgatan 34, Pl, L, PM (kun ĉiulandaj gejunuloj).

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro Jan Meijer, estonta instruisto, de Wetstraat 25, Pl, L (pri naturscienco, arto, kaligrafio, lingvoj, geografio).

**Locle** (Svisio). — S-ro W. Matthey, 11, Crêt Vaillant, Pl (prefere kun ekstereŭropaj samideanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, Pl, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro F. Muller, apotekisto, PM (deziras ankaŭ PM de la milito sur kovertoj kaj poŝtkartoj).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, nur L (kun ĉiulandaj pensemuloj pri postmilitaj problemoj).

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont", L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio)

**Trondhjem** (Norvegio). — Grupo Esp. aranĝos poŝtkart- kaj letervesperon la 15 februaro 1919. Oni sendu L kaj PK.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.

**Brodajoj.** — Garantikapablaj reprezentantoj por delikataj brodajoj de St. Gallen kaj broditaj tukartikloj estas serĉataj en ĉiuj landoj. Sendu proponojn sub cifero 11,296, C. O. de UEA.

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50—100 aŭ pli malsamajn poŝtmarkojn, mi sendos saman kvanton aŭ valoron en Argentinaj kaj Sudamerikaj poŝtmarkoj laŭ katalogo Ivert Tellier. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

**Hermetikismo.** — Anaro Esperantista de la Societo de l' Hermetika Saĝo. Religio-filozofio Greka, Ĥaldea, Egipta. Por ĉiuj detaloj skribu al: Order of Ancient Wisdom, „Esperanto", 6, John Dalton Street, Manchester (Anglio).

**Historiajoj.** — Gazetnumeroj, komunikoj, alvokoj, aperintaj dum la revoluciaj tagoj en Germanio, por privataj kolektantoj, militkolektoj, k. t. p. Laŭ deziro, konservado ĝis post la pacokonkludo. Postulu prezaron. Kurt Kauffmann, Schiffbauerdamm 6/7, III, Berlin.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodajoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolajoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnajoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Hinwil (Zürich, Svisio).

**Lernolibrojn Esperantajn** dez. ricevi militkaptito, internigito Mihály de Csiky, Camp of the prisoners, Tsitsikar, Manĉurio (Ĉinio).

**Reprezentanto** kun tre bonaj rilatoj en la Argentina komerco sin proponas por la maklero de ŝtrumpaj artikloj, lanaj, kotonaj kaj silkaj ŝtofoj, celuloidaj artikloj kiel pupoj, kombiloj k. t. p. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

**Tra la Jaro.** — Esperantaj lecionoj por ĉiulandaj lernantoj, kompilitaj laŭ eduka metodo longe elprovita; pli ol 1600 ekzempleroj jam vendiĝis. Eldonistoj: S-roj Dent, Londono kaj Toronto. Prezo: 2 ŝ., afrankite.

**Urĝa peto.** — Tre grava firmo en Londono, kies estro ĵus varbiĝis al Esp., dez. ricevi ekz. de la plej gravaj komercaj gazetoj kaj jurnaloj el ĉiuj landoj. Delegitoj kaj aliaj vigluloj estas do petataj sendi tiajn al S. R. Marshall, Hon. Sekr. C. C. L. C. (ĉe Cook's), Ludgate Circus, London. E. C. 4. kun kalkulo pri elspezo. Sendu nur po unu ekz.

☛ Bildon de movado Esperantista, eĉ de nacia, ekonomia kaj politika vivo en la juna respubliko Ĉeĥoslovaka prezentas

**LA PROGRESO**

monata gazeto Esp., en kiu kunlaboras ĉefaj Esperantistoj kaj multaj politikistoj Bohemaj. Ĝi aperas en gazeta formo 19 × 28 cm kaj kostas jare 6 Aŭstriajn kronojn. Mendebla ĉe administrejo de „*La Progreso*" en Plzeň (Bohemio), aŭ S-ro Svitberto Degenkamp, en Utrecht, Betlehemweg 36 (Nederlando). — La red. de „*La Progreso*", Plzeň, Bohemio, serĉas raportistojn pri nacia kaj politika vivo en ĉiuj landoj. Aliĝu!

FIRMO J. HUYSMAN

**Komerca Reprezentanto**

**Vlissingen, Nederlando**

Sin rekomendas por la vendo de

**ĉiuspecaj artikloj**

FIRMO C. G. v. d. HEYDEN

**Vapor-ledotanejo**

**:: kaj Ŝufabriko ::**

Fondita en 1850

(Nederlando) **Waalwijk** (Nederlando)

Fabrikas ĉiuspecajn vir-, virin- kaj infanŝuojn

☛ Tute speciala adreso por militŝuoj ☚

**Importo, eksporto kaj vendo de maŝinoj kaj teknikaj artikloj**

**Patentoj kaj licencoj. — Reprezentoj en- kaj eksterlande**

**LOEPFE, LENZ & Kio.**

Seefeldstr. 67, **Zürich** (Svislando)

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO